JULIO 1935 Aperas dekfoje dum la jaro SESA NUMERO

# Literatura Mondo




Redakcio kaj administracio: Hungarujo, Budapest, IX., Mester ucca 53, V. 5

Ĉi tiu **itala numero** estas redaktita el la jam pretaj tekstoj por **Itala Antologio** laŭ la iniciato kaj monofero de s-ro *Gino Catarzi* en Alessandria

La redakcio de Literatura Mondo dediĉas ĉi tiun numeron al

**GENERALO MARKIZO C. CORDERO DE MONTEZEMOLO**

la protektanto de la Esperanto movado en Italujo kaj prezidanto de IEF

# NIAJ ELDONAĴOJ

### Verkoj de JULIO BAGHY:

**Dancu Marionetoj**, noveloj tolb. 5.40, broŝ. — — 3.40
**Migranta Plumo**, noveloj tolb. 4.60, broŝ. — — 2.70
**Viktimoj**, romano tolb. 7.40, duont. 5.60, broŝ. — 5.—
**Hura!** romano tolb. 10.— broŝ. — — — — — 7.40
**Preter la Vivo**, poemaro tolb. 3.—, broŝ. — — — 2.—
**Pilgrimo**, poemaro tolb. 3.—, broŝ. — — — — 1.80

### Verkoj de KOLOMANO KALOCSAY:

**Lingvo, Stilo, Formo** tolb. 4.90, broŝ. — — — 3.—
Malkara eldono bind. 2.50, broŝ. — — 1.50
**Streĉita Kordo** tolb. 5.70, broŝ. — — — — — 4.—
**Rimportretoj** tolb. 4.50, broŝ. — — — — — 3.—
**Eterna Bukedo**, Internacia poemantologio, 352 paĝa. Duonlede bindita — — — — — 11.30
**Madách: Tragedio de l' Homo** luksa 5.50, simpla 4.—
**Petőfi: Johano la brava** luksa bind. 7.—, simpla bind. 5.20, broŝ 1.50
**Goethe: Romaj elegioj; La Taglibro**, silkebind. — 5.—
bind. 3.—, broŝ. 2.—
**Hungara Antologio** bind 14.—, broŝ. — — — 12.—
— **G. Waringhien: Kiel fariĝi poeto aŭ Parnasa Gvidlibro** bind. 5.—, broŝ. — — — — 3.60
**Dante: Infero** bind. 11.—, broŝ. — — — — 8.80
**Hekler: Arthistorio** I. bind. 15.—, broŝ. — — — — 13.—
**Dekdu Poetoj.** Poemantologio. Redaktis: Kalocsay bind. 4.—, broŝ. 2.50; luksa bind. 5.—, broŝ. 3.20
**B. Mussolini:** Vivo de Arnaldo, bind. 3.30, broŝ. 1.80
luksa bind. 4.—, broŝ. — — ( — — — 2.20
**Kalocsay—Waringhien: Plena gramatiko de Esperanto,** lukse bind. 10.50, bind. 9.50 broŝ — — — 8.

### ALIAJ VERKISTOJ:

**Bleier—Kökény—Sirjaev: Enciklopedio de Esperanto.** Vol. I. (A—J) bind. 17.—, broŝ. — — — 15.—
Vol. II. (K—Z) bind. 17.—, broŝ. — — — 15.—
**S. Asch—I. Lejzerowicz: La Sorĉistino el Kastilio** romano bind. 5.—, broŝ. — — 3.50
**Grenkamp — Brzekowski: Pri l' Moderna Arto** bind. 9.—, broŝ. 7.—
**J. Forge: Mr Tot aĉetas mil okulojn** — Romano bind. 5.80, broŝ. 4.—
**Francisko Szilágyi: Poemaro el Hungarlando** bind. 2.50
broŝ. 1.50
**Francisko Szilágyi: Trans la Fabeloceano** novelaro bind. 4.50, broŝ — 3.—
**Szilágyi: La Simpla Esperanto** (gram. por hung.) broŝ. 1.35
**Teodoro Schwartz: Modernaj Robinzonoj** broŝ. — 1.50
**La Pentroarto en la malnova Hungarujo,** kun 95 ilustrajoj duonlede bindita — — — — — 15.50
**L. Totsche: De Paĝo al Paĝo** studoj bind. 4.—, broŝ. 2.50
**Engholm: Homoj sur la Tero** romano bind. 5.—, broŝ. 3.60
**Engholm: Infanoj en Torento** romano, bind. 3.50, broŝ. 2.—
**Kenelm Robinson: Homarisma Laboro** broŝ. — — 0.60
**I. Sirjaev: Peko de Kain** broŝ. — — — — — 1.—
**H. Weinhengst: Turstrato 4.** romano bind. 5.50, broŝ 4.—
**E. Aisberg: Fine mi komprenas la radion!** bind. — 6.—
broŝ. 4.50
**K. Karinthy—L. Totsche: Vojaĝo en Faremidon** broŝ 1.20
**K. R. C. Sturmer: El Notlibro de Praktika Esperantisto.** bind. 4.—, broŝ. — — — — — 2.50
**Slonimski—Grenkamp: Mia vojaĝo en Sovetio** bind. 4.20, broŝ. 2.70
**Teodor Herzl—B. Selzer: La Juda Ŝtato** bind. 4.20
broŝ. 2.70
**Hungara Ŝlosilo** — — — — — 0.18
**Jelušić—Rotkvić:** Cezaro bind. 11.—, broŝ — — 9.—
**R. M. Rilke—Münz:** Leteroj al Juna Poeto bind. 1.35
**Adamson:** Auli bind. 3.—, broŝ. — — — — — 1.60

**Prezoj en svisaj frankoj!**

Aldonu 10% por sendkostoj

# Niaj reprezentantoj:

**AUSTRIO:** Rudolf Foltanek, **Wien,** I. Herrengasse 2—4. Poŝtkonto nro 19.704
**AUSTRALIO:** L. E. Thomson, p. a. R. G. Rawson, **Melbourne** 169 Exhibition Str.
**BELGUJO:** Belga Esperanto Instituto, **Antwerpen,** 21, Willemstraat. Poŝtkonto nro 1689.58.
Flandra Esperanto-Instituto. **Kortrijk,** Magdalenastraat 29. poŝtkonto nro 3268.51.
**BRITUJO:** Brita Esperantista Asocio **London** W. C. 1. 142. High Holborn
**BULGARUJO:** Centra Librejo »Esperanto« **Sofia** str. Maria Luiza 38.
**ĈEĤOSLOVAKIO:** Ĉeĥoslovaka Esperanto Asocio — **Praha XIX** 447. Uralské nám. Poŝtkonto: Praha 9.602.
**DANUJO:** Isosek, sro L. Friis **Aabyhöj,** Frodesvej 21. **Poŝtkonto nro:** 16295.
**ESTONIO:** Helmi Dresen, **Tallinn,** Poŝtkest 6.
**FRANCUJO:** Centra Esperanto Librejo **Paris** 6e, 11 rue de Sévres Poŝtkonto: Libraire Centrale Esp.-iste, Paris nro 19601.
**S. Grenkamp-Kornfeld,** Paris XIV-e 117 Bd. Jourdan.
**GERMANUJO:** Poŝtĉekkonto de Vilmos Bleier, **Berlin** 138084
**HISPANUJO:** Ferdinand Montserrat, **Barcelona,** str. Provenza 75, **2**—3a
**ITALUJO:** Itala Esperanto Centro **Milano,** Galleria Vittorio Emmanuele **II.** 92 Poŝtkonto: Milano, c/c postale 3/18715.
**JUGOSLAVUJO:** Sudslava Esperanto Servo **Zagreb,** Primorska 11.
La Suda Stelo **Slavonski Brod** Poŝtfako 44.
**NEDERLANDO:** Internacia Cseh Instituto **Haga** Riouwstraat 172. Poŝtkonto Nr. 162.626.
**NORVEGUJO:** Norvega Ligo Esp-ista, **Oslo,** Bergsliengata 11.
**POLUJO:** Halina Weinstein, **Warszawa,** str. Leszno 99. P. K. O. W. Nr. 27867.
**RUMANUJO:** Esp.-Instituto Rumana, **Cluj,** str. Bravilor 15
**SVEDUJO:** Förlagsföreningen Esperanto, **Stockholm,** 1. Fack 698 Poŝtĝirokonto **nro** 578.
**SVISUJO:** Nova Esperanto Grupo, f-ino Halter Prisca, Katharinengasse, 11 **St. Gallen**
**JAPANUJO:** Japana Esperanto **Instituto** **Tokio,** Hongoo—Motomaĉi I. Poŝtkonto: Tokio 11.325.
**USONO:** Amerika Esperanto-Insituto. Madison, (Wis.) 556 State Str.
**ALIAJ LANDOJ** ne menciitaj ĉi tie, bonvolu sendi poŝtmandaton **al P. K. O. Polujo,** Krakow Nro 403148 Administracja Literatura Mondo. 1 svisa franko egalas 1.72 zloty. Internaciajn poŝtajn respond-kuponojn ni akceptas en la valoro de 0.30 sv. fr. por unu.

# Edziĝo de Zubi

— Virgilio Brocchi —

Liaj gepatroj estis el Jorli, do la patrino, religema, iom bigota, estus volinta lin nomi Merkurialo, honore al la Sanktulo de la urbo; sed la patro, artisto sovaĝa kaj strangema, ribelis kontraŭ tiu Protektanto kiu vekas la memoron de insektomortiga ŝmiraĵo, kaj obstinis lin nomi Melocco. Por iel akordiĝi kaj por plezurigi la avon, oni lin fine baptis Zenobi; sed oni ĉiam lin nomis Zubi, pli pro amo al mallongeco ol pro dorloteco.

Zubi Verani kreskis silente, iom allasita al si mem, kaj alprenis la kutimon paroli inter si kaj si; timi sian patrinon, kaj admiri per silenta hontemo sed fanatike, la paĉjon. Tiu neniam lin karesis, eĉ per rigardo, sed lin respektis kiel homon, kaj pentradis iajn figurojn kaj iajn landojn, kiuj malfermis al la fantazio de l' knabo paradizon de revoj.

Li frekventis la unuajn kursojn de l' gimnazio kaj jam nur deziregis, pasie sopiris penetri en la grandegan studejon de l' patro: mansardo senorda, fermita ĉirkaŭe per vitraĵoj makulitaj de farboj, sur kiuj krispis ŝiritaj kaj polvoplenaj kurtenoj.

Kaj se li sukcesis kaŝe penetri tien, senbrue li kaŭradis en angulo, plezurege envolviĝis en si mem, kaj senmove rigardadis sian paĉjon, altan kaj fortan kiel giganto, kiu sin kredante sola skuadis la harriĉan kapon, kaj faradis la plej kuriozajn grimacojn antaŭ la tolo, laŭte parolante kaj blasfemante, plendante pri sia mallerteco, ĝis fine li ĵetis teren penikojn kaj paletron en malespera furiozo. Sed Zubi komprenis ke lia patro estas grandega artisto, la unua el ĉiuj, dum la kritikistoj ne sciis pri li kaj eĉ liaj lernantoj de la Akademio ne ekkomprenis lian valoron. Ĉetere Verani mem tiom ne fidis pri si, ke li konsentis akcepti la Bolonjan katedron nur post senfinaj hezitadoj, kaj eĉ post kiam lia edzino, per sinsekvaj predikoj, kaj memorigante al li lian patran devon, sukcesis ne detrui, sed sufoki liajn skrupulojn, li daŭre obstine grumbladis:

— Kiom mi povas instrui al tiu knaboj, mi, azenego?

Kiam poste la ministro lin nomis Direktoro de la Akademio, li suferis doloregan angoron; kaj S-ino Kristina, por ke la edzo ne prezentu abdikon eĉ kiel instruanto, devis voki al Bolonjo Profesoron Bigatti la solan homon, kiun Petro amis kiel amiko, kaj de kiu li akceptis konsilon.

Li cedis, li akceptis; sed li tenis malameton al sia edzino kaj grumbladis inter si kaj si, en Romanja dialekto:

Estas mi ŝtelisto, estas mi ŝtelisto!

De tiam li fariĝis eĉ pli silentema; li donadis al S-ino Kristina sian tutan stipendion kaj lasis al ŝi la zorgon pri la hejma mastrumado kaj pri la edukado de la filo, kiun tamen li adoris: li venis hejmen, post manĝo li fuĝis en la studejon, kien malmultaj sukcesis enpenetri, malkuraĝigitaj de l' stranga sovaĝeco de la artisto, kaj kien Zubi mem devis kaŝe enŝoviĝi, pastreto ravita kaj respektoplena pri la patra grando.

Nu, iun tagon Zubi kaŭris en sia angulo, provante kopii per karbo grandan figuron skizitan sur la tolo de l' paĉjo, kiam li aŭdis frapon sur la pordo; li eĉ pli malgrandigis sin, dum la pentristo, tuj maltrankviliĝinte, ĵetis sian kitelon sur la kadron ĵus komencitan.

Eniris ronda, eleganta, senembarasa homo, Riccio Rietti, la plej granda kritikisto pri itala arto, li tuj klopodis kvietigi la akran maĝojon de Verani, sed liaj afablaj vortoj tiel kreskigis la ĉagrenon kaj suferon de l' pentristo, ke, post kvin minutoj, ĉi tiu premis ĉapelon sur la kapon kaj diris:

— Ĉu ankaŭ vi venas? Mi devas foriri!

Rietti ekridis kaj tute trankvile respondis:

— Devige! ankaŭ mi venos, sed antaŭe vi devas permesi, ke mi vidu, kion vi havas sur la stablo: — kaj ĉar Petro Verani, sur dornoj, grimacis silente, la kritikisto subite levis la kitelon kaj restis larĝokula antaŭ tiu unua skizo, strekita per surpriza majstreco.

— Pro Bakĥo! li ekkriis — nu, ĉu vi scias ke..! Ho, pardonu, se vi devas rapidiri, iru tamen, sed mi restas; por la kulturo, por la nacia arto, neniam mi pardonus al mi, esti enirinta ĉi tien, kaj ne vidi almenaŭ iun vian pentraĵon.

Li turnis la okulojn tra tiu granda ĉambro, li nur vidis tolaĵojn kontraŭ la muro, kaj Petro Verani embarasite ripetadis:

— Mi ja havas nenion, havas nenion!

— Dum mia vivo mi ne konis okazaĵon tiel kuriozan, kaj artiston tiel unikan. Protestu laŭvole; diru, ke mi estas perfortema, kampulo — al tio mi ja alkutimiĝis — kaptu min ĉe la ŝultroj kaj min ĵetu malsupren tra la ŝtuparo, sed antaŭe lasu, ke mi turnu tiun ĉi tolon; kaj li turnis tiun kaj aliajn, ridante kaj parolante per vigla afableco; sed pasante de kadro al kadro, iom post iom li enpensiĝis, fine rigardadis kaj silentis, kaptita de miro iĝinta timemo.

Poste li plene humile diris:

— Kaj neniu ion scias pri tio! Sed ĉi tie estas Galerio; estas sufiĉa por gloro de dek artistoj! De dudek jaroj ĝis nun mi ne konas pentriston pli grandan.

Konsternita, preskaŭ humiligita, Petro Verani sin ĵetis al la pordo kaj rapidegis trans la ŝtuparon. Riccio Rietti, post momenta ekmiro ekridegis, kaj troviĝis antaŭ Zubi, kiu forkurinte de sia kaŝejo al li diris plenfiere:

— Tamen la plej belaj estas tie, post la tendo! Nun mi ilin montros al vi!

— Brava! kaj kiu vi estas?

— Mi estas filo de mia Paĉjo!

Zubi estis alta kaj gracia; sub la senorda hararo longis kurioza, malregula, nesimetria vizaĝo, en kiu nur la okuloj estis videblaj, tiom nigraj ili estis kaj viglaj.

Zubi estis timema nur kontraŭ sia patro, kun aliuloj li estis respondpreta, maltimema, preskaŭ impertinenta kaj tiun tagon li estis ĉarma kunulo por Riccio Riettti.

Semajnon poste, artikolo en *Corriere della Sera*, kiun sekvis longa pristudo en *Emporium*, kreis kaj diskonigis tra Italio famon pri Petro Verani. El ĉiuj landopartoj kuris al la Bolonja studejo artistoj, kritikistoj, kaj trovis fermitan pordon: la honorinda Fradeletto devis peni monaton antaŭ ol ricevi de li pentraĵon por la Dujara de Venecio; kaj, ĉar Verani laboris por si mem kaj ne vendadis siajn verkojn kaj preskaŭ neniu vidis iam liajn pentraĵojn, kaj li defendis sin sovage eĉ kontraŭ famo, ĉiu, parolante pri ĉefaj italaj pentristoj, lin menciis kun Michetti kaj Hektoro Tito, kvankam li tute ne similis al unu nek al la alia.

# Sonetoj de Gabriele d' Annunzio

## Soneto

Tra l' ter' benata, kie sur laboro
de homoj floris paco kaj konkordo,
delonge ni rajdadis jam sen vorto.
Sonis nur lante tinta hufsonoro.

Poste, en grava sankto de la horo,
leviĝis kant', subite, laŭ la bordo
de l' Mar. La suno falis al la morto,
sed ĉi subiro ŝajnis nun aŭroro.

Jes, fluis el la komuniĝ' intima
de ĉiuj aĵoj kun la Tag', senfine,
mi mem ne scias kia sento flata

de dolĉo kaj forges'. Ĉie kapkline
staris montetoj kaj, de lum' ne sata
ankoraŭ, rebrilegis Mar' senlima.

*(Kalocsay)*

## Sonĝo de nokto printempa

Kun orienta pompo vi descendas
sur lumaj ŝtupoj; virinaro migra
vin sekvas kaj tra la ŝtuparo nigra
via neĝblanka bril' la nokton fendas.

Preĝante al la Tero vi etendas
la brakojn, kaj, je via gesto signa,
la buŝoj de la virinaro vigla
psalmon de nova primaver' dissendas.

La kapoj ondas laŭ la ritmo lante,
tra l' vasta spac' la pia kant' solena
en forajn altojn spiras kun sopiro.

La granda son' nun svenas formortante.
L' ebon-ŝtuparo longa, plene plena
de l' virinaro, vibras kvazaŭ liro.

*(Kalocsay)*

## La semantoj

Fortikaj knaboj iras sur plugtero
kaj mildvizaĝajn bovojn ili gvidas.
Vapore post ili la spur' humidas,
kie apertas ĝin por sem' la fero.

Poste, larĝgeste, viroj postrapidas
ŝutante semojn; levas kun fidelo
l' olduloj bonaj preĝojn al ĉielo,
laŭ Dia plaĉ' pri riĉaj fruktoj fidas.

Kaj kvazaŭ pia homa danko laŭda
honoras nun la teron; en modesta
sunlumo, vesperiĝe, strecas neĝan

tempion la montar'; per kant' mallaŭta
ekzumas homoj, kaj en movo gesta
majeston ili havas pastre-preĝan.

*(Kalocsay)*

---

Pro tio li ne riĉiĝis; s-ino Krristina, kiu de jaro al jaro ĉiam pli malgajiĝis kaj malhumoriĝis apud tiu kolerema silentema giganto, plendadis pri siaj vivrimedoj, pri la avara registaro, pri stipendio nesufiĉa, pri la inerteco de sia edzo nezorganta vendi almenaŭ ian tolon por kovri la kreskantajn familiajn bezonojn; kaj Petro nebuliĝis kaj silente tordis la ŝultrojn, senpacienciĝintaj, kaj kvankam li tre amis sian edzinon, ŝin alte taksis kaj super ĉio ŝin timis, li forkuradis el la hejmo ekkoelra kontraŭ ŝi, ŝin kulpigis pri avaremo kaj avidemo, ĉar li eĉ ne povis pensi, ke vere Kristina sukcesas elspezi la tutan mondon de li portatan hejmen ĉiumonate: la tutan duoblan stipendion, kiun li opiniis ŝtelita. »Vi ne kapablas vin valorigi!« grumblis lia edzino, vi estas kvazaŭ lignopeco. Estas homoj gajnantaj milionojn, malpli valoraj ol vi!

Petro ne respondis, skuetis la ŝultrojn protestante, ĝenate, kun grimacoj sur la vizaĝo: »Ĉiuj tion diras — ŝi insistis — Ja tion diras ankaŭ Rietti, kiu estas...«

»Azeno! — li ekkriaĉis — pli azeno ol mi,« — kaj li forkuris por ne plu aŭdi tiajn dirojn.

Kaj s-ino Kristina, ne sukcesinte sate esprimiĝi kun la edzo, riproĉadis Zubi-n.

»Ĉu pentristo vi volas iĝi? Rimarku, kiom gajnas via paĉjo! Ĉu vi volas morti pro malsato? Vidu, ĉu ne mankas al iu ĉio! Eĉ la necesan meblaron mi ne havas! kaj tamen mi ja batalas por centimo de mateno ĝis vespero; kaj via paĉjo sin vestas pli malbone ol Kuiriko Filopanti; tamen li nur elspezas la kvar soldojn por la farboj! Ja estas, kvazaŭ li ilin elĵetus, ĉar ja kion tio al li rentumas?«

Sed ŝi parolis vane! Zubi fiksis en sia kapo, ke li estos pentristo, kaj kiam li ne sukcesis ricevi licean ateston, li rifuzis ripetadi la ekzamenojn, prenis al si kuraĝon kaj petegis sian paĉjon, ke li akceptu lin ĉe Akademia kurso.

Kaj la paĉjo, kiu pro sia distreco neniam demandis sin, kian karieron sekvos la filo, lin bone rigardis, kaj poste al li diris serioze kaj kviete:

— Ĉu ne pli bone estus, se vi iĝus spiono?

Sed tuj poste li murmuris duonvoĉe:

— Nur li ne iĝu azenego kiel la paĉjo!

Li rigardis la verkojn de Zubi, kaj furiozis, tamen lin enskribis en la tria speciala kurso; kaj ĉiufoje kiam li vidis lin en la lernejo, kurbiĝintan super

la benko, li strabadis al lia laboro tordante la buŝon, dirante al si:

— Li ne estas tiom besta, kiom mi lin kredis.

Liaj lernantoj lin amis, lin respektegis kiel grandan artiston; sed en la Akademio ili petoladis ĉiamaniere kaj Zubi ilin helpis; tamen, kiam la ŝerco transpaŝis certajn limojn aŭ kiam al li ŝajnis, ke ĝi eble ofendos la paĉjon, li furioziĝis kaj tiam eksplodis interbatiĝoj, dum kiuj flugadis tabletoj, kretoj, renversiĝis stabloj, benkoj kaj taburetoj tiel brue, ke el la apuda kabineto fine ekaŭdis ĝin ankaŭ Peĉjo, kaj li alkuris kun senorda hararo, kun elstariĝintaj okuloj, blasfemante romandialekte tiel furioze, ke la interbatiĝo kvazaŭ magie kvietiĝis.

Iun tagon Zubi trovis helpanton; ĉe la unua interŝanĝo de insultoj inter li kaj liaj kamaradoj, tuj knabo elsaltis el la benko ŝutante amason da fivortoj sur la studentojn, kiuj intencis ŝlosi katon en la tirkesto de Prof. Verani; kaj ĉar ĉiuj kune ekprovis sin ĵeti sur lin, li, hurlante kvazaŭ demonulo, sin ĵetis manaltere kaj ekludis ĉirkaŭe per tiel ofta piedfrapado, ke tuj la atakantoj disigitaj forkuris inter la benkoj kaj la taburetoj, kiuj renversiĝis kun infera bruado.

Neniu plu apudestis; sed tiu daŭre piedfrapadis, turniĝante kvazaŭ bobeno.

— Sufiĉe — al li diris Zubi. — Ne troigu! Kiel vi nomiĝas?

Tiu risorte sin levis. Li estis maldika, pinta kaj osta; el lia pintoforma vizaĝo, la nazo, lipharoj kaj oreloj ŝajnis eliĝi; la malgrandaj kaj flavetaj okuloj havis genian aspekton kaj fajron.

— Valeri — li respondis.

— Valerio, kia! La antaŭnomon mi demandas!

— Valeri antaŭnomo: Ugo la nomo!

— Vi ja ne estas Romanjano!

— Mi parolas Romanje, sed mi estas el Padovo!

Fakte, li kunmetadis romanajn vortojn per pura Venecia akcentado en intermikso tiel stranga, ke Zubi ekridis.

— Kaj kial vi ne iris studi en Venecion?

— Mi estis ĉe la Venecia Akademio, sed tie ne eblas elteni. Oni min forpelis, ĉar iun tagon mi faris truon en iu freŝa kapo de Bal Zotto kaj en ĝi mi fiksis bulbon. Kompreneble, la bulbo, en la malseko de la kreto, ŝveliĝis, kaj krevigis ĉion! Kion oni opiniis? ke ĝi sekiĝos?!

Simpatia, — pensis Zubi — kaj ankoraŭ demandis: — Sed kial do vi elektis Bolonjon?

— Ĉar mi volas konkeri la premion Baruzzi.

— Akcidentoj! — diris Zubi, sed ankaŭ tio, sen aplomba menfido kaj sen fiereco, al li plaĉis. Kaj tiel li komencis lin ami, poste lin admiri per senkaŝa kaj sindona grandanimeco.

Por li en Italio ne estis pli grandaj artistoj ol Peĉjo Verani kaj Ugo Valeri; kaj ĉar lia patro ankoraŭ ne rimarkis tiun novan lernanton, Zubi, pro amo al la amiko, trovis kuraĝon supreniri al la mansardo de l paĉjo kaj lin alfronti kun fasko da desegnoj kaj kartonoj.

— Rigardu ĉi tiun blankon kaj nigron! — li diris, prezentante folion.

— Kiu ĝin faris? — ripetis Zubi timeme.

Peĉjo kaptis la desegnon ĉe angulo, ĝin ekrigardis, kaj respondis serioze, serioze:

— Formiko!

Sed tuj li turnis la folion laŭ ĝia rekto, kaj ekmurmuris interdente:

— Pro Dio! pro Dio... pro Dio! Montru la ceteron!

Li purigis siajn manojn en la hararo, poste ilin viŝfrotis en la kitelo, iris sidi ĉe la vitropordo, rigardadis atente tiujn skizojn kaj tiujn desegnojn, ripetante:

— Pro Dio! pro Dio! Tiepolo ĝi ne estas; estas tro moderna! Brangwin; tiu ja estas malpli preciza, tiu ne pentras per oleo, pentras per brando, sed estas pli da moviĝo; ĉi tiuj figuroj estas nekompreneblaj kaj elsaltas al la okuloj! Pro Dio! Pro Dio! Kiu do estas ĉi tiu animalo!

Kaj li rigardis sian filon, ne kuraĝante konfesi al si grandan korpreman esperon; sed Zubi respondis:

— Estas Ugo Valeri.



Raffaello: *Atena lernejo*

# Poemoj de Giovanni Pascoli

## La 10. de aŭgusto

Sankta Laŭrento estis, mi ĝin sciis,
ĉar tra l' aer' trankvila stel' post stelo
ekardis, falis; ĉar fajrere striis
tiele granda ploro tra l' ĉielo.

Hirundo reen al tegmento venis.
Murdita: inter dornojn ĝi defalis.
En sia beko ĝi insekton tenis,
por manĝ' per kiu idojn ĝi regalis.

Jen, kvazaŭ krucumita, ĝi etendas
ĉi tiun vermon al ĉielo fora.
Kaj ĝia nest' en ombro ĝin atendas
kun ĉirpo pli kaj pli mallaŭte plora.

Al sia nesto hom' sur vojo estis.
Murdita: »Mi pardonas«, li lastvortis.
Kaj krio en okul' senferma restis...
Donace du pupetojn li alportis.

Kaj tie, en la forlasita domo,
oni atendas, vane lin atendas.
Senmove, mirkonsterne tiu homo
la pupojn al la fora ĉiel' etendas.

Kaj vi, Ĉiel', el alt' serena de la
senmortaj mondoj, de senfina fono,
ho, nun inundas per plorado stela
ĉi atometon ombran de l' Malbono.

*(Kalocsay)*

## Valenteno

Ho! Valenteno, vi vin nove vestis,
kiel printempa branĉ' de dornarbusto!
Nur piedetoj dornprovitaj restis
ankoraŭ nun en sia propra krusto:
en ŝuoj, kiujn panjo al vi faris,
kaj kiujn vi de l' naskotag' ne ŝanĝis,
ne kostajn eĉ groŝeton; sed ja karis
la ŝtofo, kiun ŝi al vi altranĉis.
Ĝi karis; ŝi senigis devigate
tiun ŝparujon tintan; ĝi nun, muta,
malplenas; kaj ja kantis plurmonate
por ĝin plenigi, la birdkorto tuta.

Ve, en januar', ĉar salikflam' malforte
varmigis vin, vi tremis ja de frostoj!
kaj la kokinoj kluke kantis korte:
*»kaptu, kokkuko, jen kokkuk' por kostoj.«*
Poste, kokinoj mutis, venis Marto,
kaj restis vi, ho kampulid' mizera,
tiele, plumvestita en mezparto,
sed nudpieda, kiel birdo vera.
Kiel birdet' veninta de la maro,
saltanta tra la heĝoj, kaj senscia,
ke krom bekado, amo kaj kantado
ekzistas ia ajn feliĉ' alia.

*(Kalocsay)*

## La reveno de l' bestoj

Ne krakas plu tondil' sur poplarbo,
nek plu respondon eho resendas
Sur dekliv', ŝarĝite de garbo
da branĉoj, kaŝe, homo ascendas.

En malproksim', martela ekfrapo
de lignajist' resonis... jam fino.
Nun sonas sole krio de knabo:
*Kolombo! Burĝono! Blankino!*

Ĉe lia kolo pendas herbaro
en korb' maldensa el salikbranĉo.
La bestoj, ĉe herbbenko, heĝbaro,
haltadas por branĉmordo, herbmanĝo.

Vidante super domoj jam ĉie
lazuran ŝvebon de fumĉifono,
ilin per serp' minacas li, krie:
*Blankino! Kolombo! Burĝono!*

Kaj jen alia serpo blankluma
super Pania: flor' de l' sereno,
en la aero dolĉa, parfuma
de fojn-odor', langvora ĝis sveno.

Ĉi serpo inter steloj plu vagas
tra la silento kvazaŭ de tombo.
De l' tero nur la knabo bruadas:
*Burĝono! Blankino! Kolombo!*

*(Kalocsay)*

---

— Kiu! la Veneciano? Tiu, kiu aspektas nukspremilo?

Zubi kutimiĝinta al la strangaj komparoj de sia paĉjo, ne protestis, kontente ke li kunmetis, dum sia stranga parolo, insultojn kaj entuziasmajn vortojn.

— Estas bela petolulo! bela fripono li estas! Al li diru, ke ve al li, se li ankoraŭ venos en la lernejon! Tiuj azenoj lin ruinigos! La Akademio taŭgas nur por ni; sed al ĉi tiu oni tranĉas tie la flugilojn kvazaŭ al kokido! Ja kia diplomo! Tuj li sin eltiru, diru al li, ke li aliĝu al la konkurso Baruzzi, iru lin kapti kaj lin konduku ĉi tien.

Kaj kiam Ugo Valeri estis antaŭ li, li diris abrupte, kun malluma vizaĝo:

— Kion vi faras, nukspremilo, por la konkurso Baruzzi?

Ugo lin rigardis de malsupre supren, per unu okulo, kiel kutimas la kokinoj, kaj respondis:

— Belan maizoflanon meze de tablo, kaj ĉirkaŭe kamparanojn kaj geknabojn avide atendantajn: malsaton kaj mizeron: apetito por mil kaj polento por sep kaj duono.

— Vi ne estas ja stultulo! — diris malafable la majstro, kaj por montri al li sian kontenton, li prenis lian kapon intermane kaj gruntis:

— Ohe! la skeleton mi rekomendas!

Sed la amikeco de Zubi por Ugo Valeri kolerigis s-inon Kristina, ĉar ilia troa intimeco naskis senzorgon, petolemon senkulpan sed ruinigan por ŝia filo, kaj lia spirito kontraŭburĝa kaj la bruta sincereco lin igis malafabla al ŝiaj amikinoj, kaj precipe al pastroj kaj bigotulinoj frekventantaj ŝian hejmon.

Bolonjo pleniĝis de la kuriozaj aventuroj kaj frenezaĵoj de tiuj du; ĉiutage s-ino Verani eksciis ion novan por ŝi malesperigan; kaj eĉ ne necesis rakonto pri io, ĉar Zubi tre ofte venis hejmen ungoskrapita kaj kontuzita aŭ vestŝirita, kaj, eĉ pli malbone, kun spiro brandodora.

Iun nokton, por pli bone ĝui la artfajraĵojn de la Monteto, la du amikoj supreniris, kunportante botelon da vino, sur la tegmenton de la studdomo kaj kuŝantaj surdorse ili admiris la lumajn miraklojn, kiuj zigzagis, turniĝadis kaj disperdiĝis, floroj kaj fajrbuletoj, en la ĉielo.

Poste kaŭrante kvarpiede kaj miaŭante kiel furiozaj katoj, ili ekkuris sur la tegmento, amuziĝis renversante fumkapuĉojn en la kamentubojn: tio naskis timigan tumulton de virinaj kaj infanaj hurloj, al kio ili respondis per malespera miaŭado; alkuris la fajroestingistoj, sed en la mallumo tiuj du sukcesis forkuri. Kaj tiel multe ili kuris, ke ili ne retrovis sian lukon, kaj pro timo al plia malbono kaj pro dormemo trinkita kun la vino, ili decidis kuŝi trankvile sur la tegoloj kaj endormiĝis. Matene ili vekiĝis ĉe la unua sonorila ektuŝo kaj ĉe la unua sunradio; ili estis kontuzitaj kaj dolorantaj, kaj malfermante la okulojn ili miregis, rimarkinte ke ili sin trovas tie supre, ne kapablaj rememori la kialon de sia alveno sur la tegmentojn, nek kompreni, en kia urboparto ili sin trovas.

Ili malsupreniĝis en la unuan lukon malfermitan, el mansardo glitis al ŝtupareto, silenteme puŝis pordon; akra virina krio aŭdiĝis, kaj ili malantaŭiĝis timeme, sed poste Zubi ankoraŭ puŝis la pordon, dirante per tremanta voĉo:

— Ni estas bonestuloj. Antaŭen!

Junulino tute envolviĝinta en litkovrilo kaŭris timeme apud la lito; ŝi estis alta pala kun larĝaj okuloj sentoplaĉaj kaj terurplenaj: Zubi ravita haltis por ŝin rigardi, kaj diris al Ugo:

— Ŝi ŝajnas forkurinta el pentraĵo de Franĉjo.

De tiu tago li plu ne trinkis, serioziĝis kaj sin amatigis de Julieta Zubiani.

Ŝi estis pripatra orfino, kaj laboris, en sia malgranda hejmo de antaŭurbo S. Petra kun la patrino — s-ino Zobeida, maljunulino ŝrumpinta — por kudri la plej belajn kostumojn de edziniĝo.

Ankoraŭ ŝi aspektis infanino, infanino silentema kaj ridetanta, ŝia serena animo speguliĝis el grandaj okuloj iom mirantaj kaj el hela vizaĝo: ŝi estis kvazaŭ senkulpeco kvietiga kaj konsola.

Ankaŭ Ugo Valeri estis venkita de tiu pensema graciulino; ankaŭ lia malkvieta spirito trovis en ŝia ĉeesto ekvilibron.

Li preterpasadis sub ŝia fenestro por ŝin vidi, simplan kaj gracian inter vazoj ruĝetaj de azaleo, floron inter floroj; kaj lia arto, iom groteska, deformanta la realecon ĝis karikaturo por doni al ĝi malesperan animon, nuldiĝis, ĝentiliĝis kaj karesadis bildojn pri junulinoj kurbiĝintaj sur blankaĵo, pensemaj ĉe spegulo, kun la konturoj malprecizaj kaj plaĉaj de l' revo. Kaj ofte li portis al sia amikino papavojn kaj lekantojn, kaj dolĉaĵojn, pri kiuj ŝi estis frandema, kaj eĉ ŝtonetojn kaj skarabojn, verŝajne por li belajn, kiel al fratineto, senkulpeme.

Sed s-ino Kristina ne konis Julietan, kaj iel neniam ŝi estus tolerinta, ke ŝia filo, dudekunujara, pensu pri edziĝo — kaj eĉ pri edziĝo kun laboristino — tiel, sen monero kaj sen ia eblo ĝin havigi al si. Ŝi kredis, ke Zubi perdis la kapon; kaj ĉiutage estis kulpigoj, riproĉoj, disputoj neniam finiĝantaj. Kaj Zubi, ankoraŭ timante tiun superregadon aŭ pli ĝuste ĝenate de disputoj kaj riproĉoj, klopodis plej multe forresti de la hejmo. Kaj li ne respondis al sia patrino por ŝin ne inciti pli multe. Sed iun tagon ankaŭ li perdis paciencon, kaj blasfemante kaj hurlante, li diris aferojn ege senkulpajn, kiuj ŝajnis teruraj al lia patrino.

— Se mi vivus cent jarojn — li diris — virinon kiel tiu mi ne plu trovus. Ŝi estas pacienca kiel sanktulino, ankaŭ kun diablo kiel mi, ŝi ne grumblas, ne parolas, ne iras preĝejon, ne vizitaĉas pastrojn, min kompatas kaj min instruas vivadi en la mondo. Ŝi estas la virino al mi taŭga, ĉu vi volas ke mi tiel malsaĝe ŝin forlasu?

— Sed kiel vi ŝin vivtenos? Pensu, ke vi ne havas eĉ unu soldon. Se vi pensas...

— Pensinte pri tio, ankaŭ paĉjo ne estus edziĝinta al vi.

S-ino Kristina tion imagis insultego; ŝi eksplodegis kaj akre kriadis kun la frunto intermane; en tiu momento eniris Peĉjo Verani, aŭdis la edzinon singulti: Al vi mankis nur tio, al vi mankis nur insulti vian panjon.

Lia sango ekkirliĝis kaj ankaŭ li ekhurlis, kaj Zubi, proksimiĝanta al sia patrino por ŝin ekspliki kaj ŝin konsoli, troviĝis surdigita inter siaj gepatroj lin atakantaj; li vidis minace leviĝi la grandan manon de l' paĉjo, li klinis la kapon por eviti la frapon, kiu



Donatello: *Sankta Georgo*

falis sur la kolon de s-ino Kristina. Ŝi terenfalis, kiel fulmofrapita.

— Ho Dio, mi mortigis mian edzinon! hurlis Peĉjo timege. Ŝi mortis! kuru alvoki la kuraciston, kuru al la Verda kruco.

Zubi rapidegis malsupren sur la ŝtuparo, sed kiam li revenis kvin minutojn poste kun la kuracisto, lia patrino estnis rekonsciiĝinta, kaj plendadis pri la edzo, pri la filo, pri lia freneziĝo.

La paĉjo ŝin aŭskultis rezignacie, sed poste, enuigita de l' senĉesaj plendoj, post spirblovo kaj balancado de la kapo, malrapide kaj senbrue li proksimiĝis al la pordo kaj en oportuna momento li fuĝis.

Post du tagoj, la afero pligraviĝis; por kuraĝiĝi, Zubi volis, ke Ugo Valeri lin akompanu, por peti de panjo permeson prezenti al ŝi la fianĉinon.

Eksplodis tia sceno, ke Ugo, pro la subita teruro, alpreninta por li humoran aspekton, ankaŭ mem ekvoĉis kaj voĉante li puŝis Zubin en lian ĉambron, kuris revene, prenis inter la brakojn s-inon Kristina, ŝin portis en alian ĉambron kriante:

— Atendu, atendu por sveni; atendu, ke mi estu sur la tegmento! Poste li ŝin enŝlosis kaj forkuris.

Li pafiĝis kiel bombo en la studejon de Verani, akre kriante: hejmen, hejmen, kuru hejmen!

Ĉar Peĉjo ne sukcesis eltiri alion el lia buŝo, kaj ĉar li timis de tragedio, li kuris en kitelo, sen ĉapelo hejmen, trovis sian edzinon ekscitiĝinta; ankaŭ li furioziĝis kontraŭ la knabaĉo malrespektinta sian panjon, kaj ekminacis:

— Mi lin mortigos! kanajlo, petolulo, kie li estas? mi lin mortigos!

Li eltiris tablokeston, svingis tranĉilegon, kaj daŭre hurlante: Petolulo, hundido, pastrofilo, malrespekti sian panjon! — li pafiĝis en la koridoron, ŝultropuŝis pordon, enkuris en la ĉambron de l' filo, kiu timege saltis al kontraŭa angulo, kaj envolvante la okulojn li truadis per furiozaj frapoj la liton kaj ĉe ĉiu tranĉilfrapo ripetadis: Ellernu kanajlo! ellernu petulo! filo de pastro, ellernu!

S-ino Kristina, lin sekvinta, eniris en la ĉambron kun korbatiĝo, vidis tiun ruiniĝon, la liton frapaditan, ekvoĉis:

— Ho Dio! mia nova litkovrilo!

Ŝi repuŝis sian edzon, levis la litkovrilon, ĝin ĵetis kontraŭ lumo, ĝi ŝajnis kribrilo kaj ŝi ekploris:

— Rimarku kion vi faris en mia kokona kovrilo! Vi traboris litotukojn, matracojn, ĉion vi ruinigis! kie mi trovos la monon, ve, kie mi ĝin trovos?

Peĉjo restis tiel humiligita, ke ne parolinte, kviete, kviete, li aliris la ŝtuparon kaj tiuvespere li plu ne revenis.

Tamen la kialon, pro kiu Kristina tiom koleris kontraŭ la filo, li ne sciis; li estis kompreninta, ke la knabo amindumadis kaj li distre opiniis, ke la religiaj skrupuloj de lia edzino ŝin incitis, nenio alia; kaj post la incitiĝo li al tio ne plu pensis.

Nu, la morgaŭon posttagmeze, kiam al li venis Zubi timplena, li jam forgesis la hieraŭvesperan scenon, kaj al li restis nur bedaŭro en la koro, esti maljusta kaj perfortema kontraŭ la filo.

Kaj tiu bedaŭro lin inklinigis al mildeco.

— Paĉjo — diris Zubi.

La paĉjo respondis per grunto, kaj Zubi aldonis: Morgaŭ mi bezonas, ke vi venu en la Urbdomon!

— En la Urbdomon? Nu kial?

— Ĉar mi estas neplenaĝa, mi bezonas vian subskribon.

— Por kion fari!

— Ĉar mi edziĝos.

— Ih! morgaŭ mi havas ekzamenojn ĉe la Akademio! Kiel mi faru? kaj li sin ventumis antaŭ la vizaĝo, kvazaŭ por forpeli la ĝenon.

— Nur kvaronhoron... je la deka — insistis Zubi.

— Do, kiom da jaroj vi havas? — demandis la majstro kun naiva mirego.

— Dudekunu!

— Dudekunujara! ripetis pensema Peĉjo Verani; li elspiris kaj nenion aldonis.

La sekvantan matenon, je la naŭa kaj duono, Zubi jam staris sur la sojlpordo de l' Urbdomo, kun vizaĝo nepenetrebla kaj grimaca, pri kiu oni ne povis difini, ĉu melankolia, aŭ ĝoja. Li gardis la Neptunon de Gianbologna, kiu speguladis per la larĝaj bronzaj ŝultroj la sunon, inter la ŝprucoj de la fontano; li rigardis kaj atendis.

Alvenis unua Ugo Valeri, purigita, kun bela ruĝa kravato, sed malluma vizaĝo kaj fuŝkombita hararo.

— Kion vi havas? al li diris Verani.

Tiu skuiĝis, kvazaŭ por forpeli ĝenantan penson, kaj daŭre grumblis:

— Mi portis al Chappnis la kartegojn, po dekkvin frankojn li al mi donis, ohi! Kaj diris ankaŭ, ke mia elspiro fetoras je brando. Por dekkvin frankoj ĉu li volas, ke mi odoru je violo!

Tamen tiu tempesta vizaĝo tuj sereniĝis, kiam li vidis eltramiĝi Julietan kaj ŝian panjon, li alkuris ridetante por prezenti manon kaj ŝajne ĉian malhumoraĵon li forvaporigis.

Samtempe alvenis, el Canton de l' Floroj, Peĉjo Verani, kiu, vidante tiun printempan kreaĵon, apenaŭ kaŝantan la kortimon per rideto, eksentis sin malpeza, al ŝi prenis ambaŭ manojn kaj per milda voĉo, kiun Zubi neniam supozis pri li, ŝin demandis: kiel vi nomiĝas, knabino?

Kaj kiam kristala voĉo mallaŭte respondis: Julieta! — la majstro ridetis kaj al ŝi donis manon, kiel al infano, por eniri en la palacon.

Sed, post la plenumita ceremonio, kiam ili revenis en la placon, ŝajnis, ke la malkvieto lin reprenas.

— Mi rapidas, knaboj — li grumblis — mi devas kuri al la Akademio. — Li traserĉis la poŝojn, senhelpe, kvazaŭ por serĉi ion, kaj trovinte nenion, li forkuris

Tie restis starantaj, la patrino kaj Julieta, Ugo Valeri kaj alia atestanto, malgrava oficisto de la Urbdomo.

— Bone — diris Zubi — nun ni iru trinki!

— Kio! — aldiris Valeri — ĉu vi iĝis sinjoro?

— Ne, mi havas ses kaj tridek, sed per glaseto ĉe Poncio mi povas vin regali.

La oficisto rifuzis, sed Ugo rimarkigis, ke glaseton da brando oni neniam rifuzas, kaj li antaŭiris la geedzojn en la silentan kafejon de Poncio.

Poste, skizante figuretojn sur la marmora tablo, por la unua fojo dum lia vivo, la saĝeco atingis lian koron per granda melankolio, tiel, ke li ĝemis:

— Ses frankoj kaj tridek! kiel oni povas edziĝi per nur ses frankojn kaj tridek...

— Ĉu edziĝvojaĝo entenata? demandis Ugo kun ironia palpebrumo.

— Ni uzu la tramon kaj ni iru al Kasalekjo. Tie estas parencoj, kiuj certe invitos nin al tagmanĝo. Hejmon ni havas, liton ankaŭ, kion ni volas plie?

— Kaj morgaŭ?

— Morgaŭ Protti kaj Menini, mastroj de l' Baro,

devas al mi pagi montraĵon, poste mi esperas fari laboraĵon por Sanguinetti... Oni ne devas timi pri la vivo!

— Bela forto! diris Valeri, kun okulbrilo. — Bela forto ne timi la vivon kun virino kiel Julieta!

Kaj li sentis sin droni en senkonsolon, en korpreman antaŭsenton pri malfeliĉo. Li ne plu parolis, silente akompanis siajn amikojn ĝis la tramo, per larmantaj okuloj li rigardis Julietan, salutantan al li el la perono, kaj kapkline li foriris; li ekpensis, ke Zubi estas vere saĝa kaj bonŝanca, dum li estas kvazaŭ flosanta sur ondo, sola, en mallumo, sen morgaŭo, en vivo stulta, mizerega, kiun oni devas surkraĉi kiel putran cigarstumpon.

Tiel li interbatiĝis kun Alfredo Protti, kiu jam promesis iĝi la artisto hodiaŭa; al li fulmis en la vizaĝon liaj flavaj okuletoj kaj li diris:

— Ĉu vi konas la melankolion? Ĉu vi neniam vidis tenion? Kia pentristo vi estas, do?! Vermo estas ankaŭ la melankolio, blanka, kun dika kapo; ĝi eniras al vi la stomakon kaj per tiu kapo komencas: tik-tak! Kaj tien kaj reen, kiel pendolo. De akvo ĝi ne suferas, kuraciloj ne efikas, la vino ĝin svenigas, sed la brando ĝin mortbatas! Venu trinki glaseton.

Sed ĉar ankaŭ la brando ne kuracis lin el lia malsano, posttagmeze li pensis al la plejlasta rimedo, al laboro.

En la strato Zamboni estis vinvendisto, al li donanta manĝon por pentrado sur la muroj de la drinkejo; tien li alkuris, demetis la jaketon, kunfaldis la ĉemizmanikojn, premis paperĉapeton sur la kapon, kaj atakis la muron per fingrostrekoj kaj mansignoj.

Je la kvara eniris tien Peĉjo Verani. Oni povis rimarki, ke io lin turmentas, sed apenaŭ li turnis la vidon ĉirkaŭe, li frotis al si la okulojn, ilin malfermis, kaj ekmurmuris:

— Pro Dio! pro Dio! pro Dio!

Ia kapoturno lin regis; per blanko kaj nigro, per brikopecoj, kreto flava kaj lazura, kirloplena scenejo turniĝadis sur la muroj; la figuroj, la domoj ŝajne envolviĝis en freneza karuselo; hundo kaptinta per dentoj sian voston turniĝadis cirkle; homo ĉirkaŭbrakinta lumfoston sin allasis al kapturno; la radoj foriĝis el veturiloj; la ĉevaloj svingadis gambojn en la aero.

— Kio estas ĉi tio?

— Estas urbo ebria — respondis Valeri.

— Donu manon kaj min konduku for — petis la majstro —, ĉar mi timas falon.

Kaj kiam li estis en libera aero, sub la portikaro de la strato Zamboni, Peĉjo demandis:

— Diru do: ĉu sinjoriĝis mia filo, por edziĝi?

— En la poŝo li ankoraŭ havas kvin frankojn, ĉar per la kromo li pagis al ni trinkaĵon.

— Kaj tiu kompatinda knabino?! Al ŝi li suferigos malsaton! Kio okazos nun? Kien li ŝin kondukos por dormi? mia edzino ŝin ne volas!

— Li luis du ĉambrojn apud via hejmo.

— Ĉu li havas meblojn?

— Jes, liton kaj ses aŭ sep ĵurnalojn sternitajn sur pavimo kiel vestaĵejon.

Tiam Peĉjo ekblasfemis kaj riproĉis kontraŭ la filo:

— Putrulo! Tiela infanino! Ŝin konduki al sufero. Kaj mi ne havas eĉ unu soldon!

La pordistino havis ŝlosilon; ŝi ilin allasis en la hejmon de Zubi: du ĉambretoj... kun lito kaj tri seĝoj.

— Mia edzino hodiaŭ vespere ne estas hejme! tuj diris Peĉjo Verani. — Ŝi iris pasigi la koleron ĉe sia fratino: helpu min!

Kaj ili ambaŭ, dek aŭ dekdu fojojn, irante-revenante, portis sur la brakoj tiom da meblaro kaj tolaĵaro kiom ili povis, el la patra hejmo al la malplena ĉambreto.

— Kiam revenos mia edzino, aŭ ŝin kaptos apopleksia frapo, aŭ ŝi min mortigos — diris Verani. — Kiel ja oni povus suferigi tiun infaninon?!

Kaj ĉe la lasta iro, li malfermis tirkeston, kaj hezitis antaŭ la papermonujo de S-ino Kristina.

Poste li decidiĝis, el ĝi tiris tri deklirajn biletojn, ilin puŝis en pantalonan poŝon kaj petis de Ugo helpon por transporti la plejmulton de la potoj kaj vazaro.

Personoj en la strato haltis kaj ridis, sed ili tion eĉ ne rimarkis. Sed ĉe la hejmo de Zubi ili renkontiĝis kun prof. Rubiani la granda arkitekto, kiu vidante sian kolegon ŝarĝita kiel portisto, restis buŝmalferma pro mirego; veturilo lin ekpuŝegis; por ĝin eviti, en sia konfuzo li piedbatis ĉareton, perdis la ekvilibron, falis; kaj li kontentiĝis per rimarko al Valeri:

— Vidu, kiom malmulte sufiĉis por ĵeti teren la grandan majstron de l' solide o

Ili supreniris.

Estis jam malfrua vespero, kiam la majstro, staranta inter la brokantista konfuziĝo, kian li faris en la ĉambroj de sia filo, montris al Ugo, malkviete sed memkontente, la tridek lirojn, kiujn li prenis el la papermonujo de sia edzino kaj lin demandis:

— Ĉu por monato tio sufiĉos?

— Se ili havas saĝon — respondis Valeri — certe sufiĉos. Tiam Peĉjo, por ke lia filo tuj vidu tiun riĉaĵon kaj trablovo ĝin ne disperdu, metis unu sur alian la tri biletojn sur la tablo kaj ilin najlis per klingo de tranĉileto.

Ili fermis kaj iris sur la koridoron.

— Ĉu vi venas? diris Verani.

— Ne, mi atendas ilin. Mi volas vidi Julietan;



Donatello: *Anĝela saluto*

# Kaŭĉuka porketo

— Marino Moretti —

Ege ŝatis Mimi ĉi tiun renkontejon de infanoj kaj de vagvendistoj, ĉi tiun verdan oazon, ĉi tiun urbeton de ludoj, ĉi tiun feliĉegan landon de l' libertempo kie nur estis severe malpermesate kolekti florojn sur la senfloraj bedoj. Li ĝin ŝatis krome, ĉar tien li venadis kune kun tiu dolĉanima, pacienca Cleonice, kiu jam de du monatoj lin amis; kaj lin amis tute kiel patrineto, ŝi, kiu estis neniam posedonta filojn, ĉar ŝia sorto estis servi nur alies knabojn. Cleonice, treege kompleza, ne limigis sin je malsevereco, sed ankaŭ malfermadis sian monujon, kaj aĉetis bombonojn por la knabeto, elspezante sian monon, sian monon ja ne ŝtelitan ĉe la familio de l' gemastroj. Preterpasadis la vendistoj de sukeraĵoj kaj de lumŝirmiloj kaj de faboj kaj de bakitaj melonsemetoj: laste, sekvata per ĝeneralaj rigardoj, jen pasadis fine la vendisto de kaŭĉukaj porketoj. Ĉiufoje ekstaris Mimi pro emocio. Ĉiufoje demandis Mimi per okuldemando al sia Cleonice. Ĉu ne? Ĉu ŝi ne intencas aĉeti porketon?

— Bonvolu esti pacienca. Hodiaŭ ne. Nesufiĉe da mono hodiaŭ. Sed mi ĝin promesis al vi: kaj vi ĝin havos.

Kaj ĉar tiun ĉi donacon promesis la vartistino, neniu el la familio pensis donaci porketon al Mimi; aliajn kaŭĉukajn bestetojn eble, sed neniam ĉi tiun rozhaŭtan porkidon.

Tia malŝparemo, flanke de simpla servistino, mirigis la ĉirkaŭstarantojn, verŝajne. Nutristinoj, vartistinoj veraj, ĉiuj imponaj en siaj luksaj kostumoj kun blankaj ŝtrumpoj kaj puntoj, teruriĝus pri la penso seniĝi je monero por siaj riĉaj knabetoj: same kiel la nesentemaj duonmonaĥinaj »nurses«. Nur servistino, sed servistino vera, kapablas ami ĉiujn ajn infanon, kiun vi povas al ŝi prezenti.

Guste ĉi tiun problemon subtilan iutage lerte prezentis al ŝi nekonato, apude sidiĝante: diferenco inter infano kaj infano, inter servistino kaj servistino, inter sento kaj sento. Li estis al tiuj, kiuj ne surportas broditan blankan antaŭtukon.

Flue li parolis, pri si li rakontis kredeblajn kaj facilajn aĵojn: tridekkvinjara, fortika, malfeliĉega, serĉanta okupon kaj azilon. Okupo? Iom tro grava ŝajnis ĉi tiu vorto laŭ la tre malbonkondiĉa vestaĵo, la malpurega ĉapelaĉo, la aĉe eluzita kravato (tamen beligita per kameo); sed li deklaris sin tuj preta al memofero, al martiriĝo: iĝi komizo, iĝi portisto. Ŝtelisto ne, li ne fariĝus, nek mortigus, li: nek trompus honestan knabinon, nek fripone agus, nek vagadus, li, kiu promesis al la mortanta patrino, ke li ĉiam honeste vivos; kaj Cleonice ekĝemis kaj laŭdis lin. La sentoj de tiu nekonato ŝajnis al ŝi tiel kontentigaj kaj konsolaj, ke ŝi fariĝis komunikema; ŝi volonte permesus, ke li denove sin prezentu al ŝi, tiu malfeliĉulo, ke li donu al ŝi sian amikecon, sian seninteresan amikecon, kiun Mimi neniel povus kritiki... Ĉu konsentite? La viro ŝin manpremis, ŝi ruĝiĝis de honto kaj plezuro. Kaj tiel grandan plezuron donis al ŝi simila naiva manpremo la sekvantan tagon — tute kvazaŭ ŝi estus enamiĝinta knabino — ke, tuj post la foriro de ŝia amiko, ŝi vokis la ludantan Mimi-n kaj la vendiston de kaŭĉukaj porketoj: kaj aĉetis la porketon.

*

Ĉu la fraŭlino ŝajnis al li beleta, ĉu li al ŝi eminenta homo, ŝi komunikema, li palmiena, jen naskiĝis amikeco, jen »ci-dirado«, jen amo. Sidis ambaŭ sur ĝardena benko, rigardante la ludantan infanon, poste ili donacis al si mem mallongan kaŝe feliĉan promenadeton sub densa arbareto tute kiel gefianĉoj, forgesinte pri Mimi. La fraŭlino vivis amekstazon; nur pene ŝi rehejmiĝis mantirante post si la infanon: preskaŭ ŝi ekfalis ĉe ŝtonoj, ŝanceliĝante. Kiam ŝi pensis, ke *li* ne mortigus, nek ŝtelus, nek trompus knabinon, jen granda, trogranda dolĉa penso: ha, ŝia Cezaro, ŝia Cezaro.

Mimi sentis sin kiel »forlasita«, sed tamen ne malagrable: neniam li akuzus Cleonice-n pri tio: Cleonice-n, kiu faris tian donacon! Ŝi ĉiufoje alvenis kun Mimi al la sama placeto kaj tuj rigardadis ĉirkaŭ si okulserĉante sian amikon: lin ne ekvidinte, iomete nervoze ŝi instigadis la infanon: — Iru, iru; kuru, kuru! Kaj ŝi atendis sian amikon, premante sian koron kaj malamike rigardante tiujn, kiuj sintrude deziris al ŝi alparoli. Kaj konatinojn ŝi ne rekonis kaj la infanojn ne rekonis: nur lin, nur lin ŝi rekonis, kiam li sin montris iomete balanciĝanta laŭlonge de la aleo ĉe la kaktoj; kaj la oraj fruktoj ŝajnis kvazaŭ falantaj sur liajn ŝultrojn.

Li kelkfoje ne venis: la sekvantan tagon li petis pardonon. Jen, ĉiam pro la serĉata laboro! Sed iutage ŝi vidis lin ĉe la aleo kune kun amiko pli bone

krome estas tiom da mono hejme: se venas ŝtelistoj... oni ja ne scias!

La bona giganto lin rigardis, kortuŝiĝis, ame prenis lian kapon inter la manojn, komencis kirli...

— Ne, ne, oh! mi avertas! — akre vočis Hugo sin liberigante; kaj streĉante la kolon dekstren kaj maldekstren, li grumblis: Li do celas mian kranion, ĉi tiu akcidentulo! El la itala: *M. Arabeno.*

*Notoj:*

Melozzo = fama pentristo el Jorli (1438—1494).

Emporium = revuo pri arto.

On. Fradeletto = klera kritikisto pri arto kaj venecia oratoro, vivanta.

Dujara = ekspozicio pri arto okazanta ĉiu dujare en Venecio.

Michetti kaj Hektoro Tito = du bonegaj pentristoj nuntempaj, la unua el Abrucco, la dua el Venecio.

Kuiriko Filopanti = pseŭdonimo de Jozefo Barilli, Mazzini'a patrioto, politikulo, fama scienculo, tre konata pro lia senzorga vestaĵo.

Tiepolo = granda venecia pentristo, fama pro liaj grandaj freskoj (1693—1770).

Brangwin = fama angla pentristo, de l' pasinta jarcento, plene konata pro akvofortaj gravuraĵoj.

Pentras per brando = pentras fervore dum ebrio.

Verani esperis, ke la aŭtoro de l' desegnoj estas mem lia filo.

Tiuj azenegoj = liaj kolegoj, la profesoroj de la Akademio.

Monteto = publika promenejo en Bolonjo.

Franĉja = kromnomo de Francisko Raibolini, bolonjano (1450—1517) fama por la pentraĵo: La edziĝo de Sta Cecilia.

Verda Kruco = asocio pri publika kunhelpo.

Chappuis = komercisto pri artaĵoj.

vestita ol li kaj tiel eleganta, ke li eĉ kunportis fotografaparaton. Venintaj ili estis, propradire, por fotografi la infanojn!

Cleonice rigardadis infane mirigita la grandan laboron por kolekti la knabetojn, laboro kiu minacis fariĝi tro longdaŭra. Ŝia Cezaro elektis la sin prezentintajn infanojn, ekzamenis, kribris, admonis, eĉ forigis malĝentile.

— Ne, ĉi tiu estas tro juna... ĉi tiuj estas samaĝaj, samkreskaj... necese trovi alian, pli altkreskan... alian pli diketan... — Cleonice afable petis, ke oni akceptu sian Mimi-n.

Kiam ĉio estis preta (la infanoj estis senmovaj), Cezaro, sin turnante al la fotografonta amiko:

— Dek ili estas. Ĉu tromultaj? — Kaj subite, serĉante inter la apudaj servistinoj, li elektis malelegantan mezaĝulinon, kun suĉinfano. — Vi — li diris — bonvolu sidiĝi ĉi tie. — Kaj indikante al la kunulo la infaneton: — Ĉu bone? *Lastenaskito*! — kaj ĉe ŝi, kiu portis la suĉinfanon ĉe la brusto, (Cleonice malgaje mirigite rigardadis de malproksime senkomprene) Cezaro triumfe sidiĝis.

Ĉio finita, la infanoj diskuris kontentaj kaj la *lastenaskito* ploradis longe, ŝajne timigita.

— Volonte — ploretis Cleonice — mi estus sidinta apud vi... dum la fotografado...

— Simplulino! ĉu vi ne komprenas, ke mi bezonis virinon kun suĉinfano?

— Kial?

— Neniam vi ion komprenas!

Efektive ŝi ne komprenis. Ŝi vidis lin foriri kun la amiko kun fotografilo, lin malaperi preter la arbustoj, volis lin sekvi, pensis insulti *tiun virinon;* ĉar ŝi ne komprenis. Ho! Kompreni, kompreni! La virino, do, devis kunporti »suĉinfanon ĉe la brusto« ... »lastenaskiton« ... »maksimume duonjaran«?...

Nur malmulte ŝi komprenis eĉ poste, kiam Cezaro montris al ŝi la bildon, tre tre belan. Alian homon ŝi vidis en li; li diris, ke li manĝis ĝissate kaj ke li mendis novan vestaĵon. Belajn ŝuojn li havis, fromflavajn.

— Ĉu neniam vi vidis en ilustritaj gazetoj bildojn pri »belaj italaj familioj«? En tiuj la patrino kaj patro sidas, kaj ĉirkaŭ ili la gefiloj... dekkvin... dekses... la lastenaskita ĉe la brusto de la patrino... Oni diras, ke estas bele... Ĉi tiu — li diris fingromontrante la grupon — estas itala familio!

— Dio mia! kaj... kion vi faras?

— Kion mi faras? Mi kolektis adresojn kaj tien kaj tien ĉi mi portas kaj montras la bildon kune kun petletero: »Malfeliĉa patro, kiu ne povas nutri dekunu gefilojn... la lasta estas suĉinfano... petas de Via Ŝatata Moŝto malgrandan helpon...« Oni iras dum tagmanĝo aŭ vespermanĝo... Oni atendas ĉe la enirejo... La ĉambristino redonas la bildon kaj la petskribaĵon kaj en la koverto oni trovas dek, dudek, kvindek lirojn... Jen la ofico...

Cleonice rediras: — Jen la ofico! —; poste, la kapon klinante, rigardas la »belan italan familion«, observas unu post la alia la »gefilojn« de sia Cezaro, kaj komentas, dum ŝi viŝas per mandorso larmeton:

— Jen ankaŭ Mimi...

*

Ĉu la tempo de malfeliĉo ne venos ankaŭ por ŝi, malfeliĉulino? Ĉu ŝi ne estos devigata forlasi tiun hejmon, tiun infaneton, kaj kunvivi — ĝis kiam? — kun tia viro? Kaj poste suferi pro malsato, pro frosto, esti manfrapita kaj insultita, alkutimiĝi al malriĉa aĉa hejmo kaj finfine... finfine naski filéton? Jen Cleonice, du jarojn poste, tiu Cleonice, kiu amis Mimi-n kvazaŭ patrino. Mimi, tiu feliĉa Mimi, al kiu eĉ servistino povis donaci porketon...

Laŭŝajne feliĉaj tagoj. Nun ŝi havis ĉe la brusto Mimi-n tute sian, preskaŭ jaraĝan, kovritan nur per malpuraj ĉifonoj, ploretantan, malsanetan; kaj la penso pri sia Cezaro, patro de tiu infaneto, jam ne donis al ŝi ĝojon. Sed, kie paĉjo? Ĉu li laboras, ĉu eterne li serĉas ian oficon?

— Ne; jam senespere por mi — malhelmiene li konfesis iun vesperon. — Nenia metio al mi, nenia. Necese reuzi la bildon...

— Kiun bildon?

— »Belan italan familion«. Nun *vi* mem helpos al mi...

De ŝi li postulis tiun ĉi fojon la adresojn de familioj, kies servistino iam ŝi estis... Kaj ŝin li kuntiris post si: ŝin palan, ĉifonitan, kun tiu pakaĵo surbruste, en kiu malgranda estaĵo dormetis aŭ ploretis; ŝin li devigis lin sekvi, indiki al li la domojn, la pordojn, atendi lin surstrate, dum li provis, ĉu li sukcesos; terure ektimiĝi, kiam li revenis senmona, blasfemante. Ĉe sojlo de unu el tiuj pordoj ŝi skrupule haltis. Ne, ĉi tien ne eniri, ne, ne! En la bildo... jen la fileto de l' gemastroj: ne, ne ĉi tien! Estas Mimi...



Ghiberti: *La kreo de la homo*

# *Unika vespero*

— *Massimo Bontempelli* —

Mi havas komfortan loĝejon, kun ĉarmeta edzino de akomodiĝa humoro: alivorte, rifuĝejon, kie, almenaŭ kelkfoje, mi povus troviĝi pli bone, ol en tiu ĉi fumita kafejo. Pro tio vi trovas stranga, ke ĉiujn vesperojn de la jaro, ĉiujn, ĉu pluvas, ĉu varmas sufoke, mi pasigas ĉi tie, antaŭ glaso da biero, ĉe tableto plena de makuloj kaj nigraj rondoj, sur malpura kanapo kun rompitaj risortoj.

Vi komprenus, ke mi restas en mia hejmo almenaŭ unu aŭ du fojojn jare, almenaŭ je Novjara aŭ Kristnaska tagoj, kiam tie ĉi estas senhome.

Vi trovas tion stranga, kaj juĝas min malbone.

Por juĝi necesas scii; ĉi sube estas historio. Ĝi ne estas tragedia historio: sed sufiĉas por min senkulpigi: almenaŭ por montri al Vi malpli stranga mian konduton.

Ĉarmetan edzinon mi prenis antaŭ dekdu jaroj. Por la feliĉa okazo, mi ricevis dekkvin tagojn de libertempo: du semajnojn, kiujn mi uzis por la edziĝa vojaĝo.

La saman matenon, kiam mi revenis, mi devis reiri la oficejon.

Vespere, mia edzino estis laca: ŝi enlitiĝis tuj post la vespermanĝo.

Mi pensis, ke mi iros montri min al la malnovaj amikoj. Kaj ĉi tien mi venis.

Tien ĉi mi venis, kiel ĉiam mi faris dum mia fraŭleco. Malnovaj konatuloj; malnovaj babilaĵoj: la dudektria horo alvenis; kaj — post tiu unua vespero, la dua, ĉar la amikoj oferis al mi trinkadon; poste la tria, ĉar mi reciprokis la donacon: kaj tiel seninterrompe.

Mia edzino neniam plendis pri tio. Anstataŭe, la amikoj komencis min turmenti. Estis vetado. — Kial vi lasas ĉiam la edzinon sola hejme?

— Al ŝi ne plaĉas eliri? — Kial vi neniam restas hejme por kunesti kun ŝi?

Jen, mi komencis pensi, ke tio farus al ŝi plezuron. Mi atendis, ke ŝi parolu al mi pri tio. Nenio. Tiam, iun tagon, mi kuraĝigis min, kaj al ŝi diris:

— Niny, ĉu eble al vi malplaĉas resti ĉiam sola? Ĉu vi volas, ke mi restu ĉe vi por la vespero?

Ŝi ridetis al mi, kvazaŭ mi estus promesinta al ŝi fabelon donacon; kaj respondis: Certe, tio farus al mi plezuron.

— Sed kial neniam vi tion diris? Jes, ĉi-vespere. Mi nur iros fari kvar paŝojn por liberigi la stomakon de la manĝaĵoj, kaj mi revenos hejmen.

Guste tiun vesperon ne estis eble. La sekvantan tagon kamarado estis forironta, kaj en tiu vespero oni trinkdonacis al li. Tie oni restis ĝis la dudektria, kiel kutime: eĉ ĝis iomete pli malfrue. Mi estis certa, ke mia edzino, se mi klarigos al ŝi la aferon, ĉion aprobos. Sed nokte, kiam mi revenis hejmen, ŝi jam dormis. Matene nenion ŝi diris al mi. Mi estis tro longe dorminta, kaj ellitiĝis apenaŭ ĝustatempe por kuri al la oficejo. Mi tagmanĝis tie; revenas hejmen je la deknaŭa por vespermanĝi.

Je la deknaŭa mi atendis, ke mia edzino petos ion. Nenio. Manĝante mi pensis:

Kiam mi stariĝos por eliri, ŝi rememorigos al mi la promeson, kiun mi faris al ŝi hieraŭ: tiam mi klarigos ĉion, kaj restos hejme kun ŝi.

Mi stariĝas, faras paŝojn en la ĉambro, ŝin salutas... Nenio. Mi eliris koleretigita. Tiom koleretigita, ke mi venis tien ĉi, kaj iris hejmen je la kutima horo, la dudektria.

Mi komprenis, ke pli bone estos reiri frue al la domo, dum bela vespero, neatendite. Agrabla surprizo!

Kaj ĉiun vesperon, dum mi estis tie ĉi, sur ĉi tiu kanapo, pensante pri ekiro, mi diris al mi mem:

Cetere, ŝi ne atendas min. Mi iros morgaŭ vespere.

Kaj la vespero venis. Estis iu ĵaŭdo, vespere, kiam mi plenumis la promeson, kiun mi faris al ŝi.

Estis antaŭ kvar jaroj.

Estis ĝuste vespero, en kiu mi malpleje pensis pri tio. Je la dudeka kaj duono mi finis mian kutiman promenadon. Mi alvenas tien ĉi, kaj trovas la pordon fermita, kaj la vitrokovrilojn surmetitaj. Mi rigardas koleriĝinta: Sur la pordo, nigroborderita papereto estis gluita: FERMITA PRO FAMILIA FUNEBRO. — Mi rememoris, ke la frato de la mastro estis malsana de multaj monatoj. Mi restis malorientita. Mi vagadis ĝis la fino de la ĉefstrato. Rigardis tra la vitroj de la alia kafejo, ĉu mia kutima amikaro okaze estas tien rifuĝinta. Neniu. Ĉi tien mi reiris legi la papereton. Mi

Li, kolerete, rigardas la bildon; kie estas la infano? Rikane skuas la ŝultrojn.

— Ĉu li? Apenaŭ videbla! Muskapeto...

— Ili rekonos lin.

— Ne!

Li malaperis en la domon. Kaj ĉe la hejmpordo donis la koverton al servistino pli maltimege ol kutime, asertante, ke li rajtas atendi, ĉar... »oni atendas respondon«.

Kiam la servistino konfuze raportis la aferon al familianoj, sidantaj ĉe tagmanĝo, kriis la mastro: — Nenion, nenion! —, sed la mastrino, scivoleme, volis vidi la bildon de tiu patriarka familio: observis patron kaj patrinon kaj sincere admiris la dekunu gefilojn: ĉiuj similis unu al la alia.

— Renzo! Renzo! Ĉu... ĉu ne ŝajne ĉi tiu similas al nia Mimi? Domaĝe, ke nia bubo estas en la lernejo! Kareta, kareta... vere li similas al nia Mimi! Tute elteniĝo lia... Nu, eĉ nur pro tio...

Ŝi leviĝis, trovis monujon, elprenis monon, multe da mono, kaj vizitkarton sur kiu ŝi ion skribis per sia oruma krajoneto; ĉion ŝi metis en la koverton kaj donis al la servistino; sed, ne kontenta, dubema, rigardis ĉirkaŭ si, serĉis inter kelkaj objektoj sur la fortepiano; vidis la kaŭĉukan porketon, kiun la knabo estis donacinta al panjo, ĉar jam delonge ĝi ne plaĉis al li.

— Jen, Eliza, eĉ tion ĉi donu al li...

*

Li enpoŝigas la monon, kaj tre volonte donas la ceteraĵon al si, kiu atendas timeme. Diras la vizitkarto: »Sendas okjara knabeto, kies nomo estas Mimi«. Kaj la porketo... kial ŝi ne povis rekoni la porketon, kial? la porketon, kiu reen venis al tiu, al *ŝia* infaneto?

Tiam la malfeliĉulino, tremetante, elprenis el la koverto la bildon »bela itala familio« kaj kisis Mimi-n. Kaj al la alia Mimi, kiun ŝi portis ĉe la brusto, ŝi montris la porketon kaj ridetis: ankaŭ la infaneto ridetis kaj, kvazaŭ por ĝin atingi, eklevis la maneton.

El la itala: *Giov. Saggiori.*

# La kvieto post la tempesto

— Leopardi —

Forpasis la tempesto.
La birdoj faras feston; la kokino
revenas sur la vojon,
ripeti siajn versojn. La sereno
el okcident' trarompas al montaro.
La kampoj senombriĝas,
tra val' ekbrilas la river' en klaro.
Gajiĝas ĉiu kor', de ĉie venas
bruado; la kutiman
laboron hom' reprenas.
La metiist', kun laboraj' en mano
el dom' eliras kante
por ekrigardi pri l' ĉiel' humida,
kaj virinet' rapida
elvenas, ekĉerpante
akvon de l' pluvo nova.
Vendisto de legomo
iras de dom' al domo
kaj vokojn ekripetas.
Kaj jen, la sun' revenas kaj ridetas
sur villojn kaj montetojn. Jam apertas
la famili' balkonon kaj terason;
de la landvojo oni aŭdas fore
sonoriletojn; veturilo knaras:
haltinta pasaĝer' daŭrigas pason.

Gajiĝas ĉiu koro.
Kiam pli dolĉas ĝoje
la viv' ol tiafoje?
Kiam al la laboro
la hom' kun pli da amo sin removas,
daŭrigas, novan provas?
kaj malpli rememoras la ĉagrenon?
Sed ja aflikto naskis ĉi serenon,
ĉi vantan ĝojon: frukton
de l' tim' pasinta, kiam treme timis
eĉ tiu de la morto,
kiun la vivo tedas,
kaj kiam en turmento
froste, pale, sen vorto
ŝvitis la homoj treme, en atendo
de la atak' ekscesa
de fulmoj, nub' kaj vento.

Ho vi, natur' kompleza!
Jen via dono nura,
jen la plezur' donata
al mortemuloj. Ĉeso de doloroj:
jen nia sent' plezura.
Ĉagrenojn ŝutas vi larĝmane; sponte
venas dolor'; kaj tiu ĝojo eta,
kiun kelkfoje por miraklo naskas
dolor', jam estas granda gajn'. Homgento!
kara al eternuloj! vi, feliĉe
spiranta, liberiĝe
el ia ajn doloro; kaj beata,
se l' mort' vin tute savas de turmento!

*(Kalocsay)*

---

promenadis ankoraŭ dum kelkaj minutoj, perdiĝinta.

Neatendite, mi ne scias kiel, naskiĝis en mia cerbo la penso, ke mi povus plenumi la malnovan promeson. Bona ideo. Alia vojaĝeto, nova rigardado tra la vitroj de alia kafejo, poste al la papereto de tiu ĉi; kaj paŝo post paŝo mi revenis hejmen.

Mi vin certigas, ke mi metis la ŝloŝilon en la seruron kun korbato. Mi estas iomete kutimsklavo; la afero, tiom ekster miaj kutimoj, min priokupis. Ŝajnis al mi, ke mi faras maldelikataĵon. Mi sentis ĝenon, kiel per antaŭsento. Ne malfeliĉon, sed enuon, tedon.

Je la bruo de la risorto maŝtreĉiĝanta kaj de l' pordo malfermiĝanta, mi aŭdis respondi du krietojn de timo, elirintaj el la manĝoĉambro, tra la koridoro. Poste silento.

Mi refermis la dompordon, trairis la koridoron, malfermis la pordon de la ĉambro. Alia sufokita krio:

— Ho, kiel vi min ektimigis!

Mia edzino kaj la servistino estis kudrantaj.

— Kiu pensus, ke estas vi?

— Bela akceptado! Ĉu mi faris malbone, ke mi venis?

— Ne, ne, brava, kara...

Nun mia edzino moviĝas ĉi tien kaj tien, kiel hunda vosto, por min festi. Ŝi sendas la virinon enlitiĝi.

— Sed, antaŭe — ŝi diris al la servistino — forportu ĉion. Donu al mi tapiŝon. — Atendu, kara, mi volas prepari kafon por vi; — alportu alkoholon. Ne, iros mi mem.

Kaj ŝi kuris.

Oni aŭdas bruon de verŝita akvo, de teleroj elmovitaj, de alumetoj frotitaj. Ĉi tie, samtempe, la servistineto brue kolektis la tolaĵojn, kaj ilin forportas brake, skuinte la pordojn.

Ankaŭ la seĝoj estis ŝarĝitaj per vestaĵoj.

Mi atendis flanke, ankoraŭ staranta, atendante, ke tiu tumulto trankviliĝos; iom ĝenita, ĉar mi estis kaŭzinta ĝin. Mi estus volinta reeliri. Mi volis tion diri al Niny. Sed mankis al mi kuraĝo. Mi ekkoleris kontraŭ la servistino:

— Ĉu vi ne estas kapabla liberiĝi por mi seĝon, malspritulino?

Ŝi rapidis tiel ŝafe, ke ŝi ektuŝegis kubute la fruktoportilon lokitan sur la telermeblo, kaj ĵetis ĝin teren. Alia krieto el tie: kuras ĉi tien Niny; insultoj; ploro de la servistino; kaj ni, ĉiuj tri, teren, por kolekti multvalorajn telerpecojn kaj ĉirkaŭturni ilin en niaj manoj, ilin rigardante, kvazaŭ neniam ni estus rigardintaj la teleron, kiam ĝi estis tute bona.

— Oni kungluas tre bone.

Senpripense mi skuis la kapon, kiel nekredanto. Niny senpacienciĝis.

— Sed jes, per mastiko. Necesas tion fari tuj, dum la rompo estas freŝa.

Mi sidiĝis sur marĝeno de la seĝo, akirita por tiel kara prezo. La servistino rifuĝis en angulon.

Niny trovis mastikon kaj komencis la laboron. Mi ekbruligis cigaron.

Post iom da tempo mi eksentis, ke io min tedas. Mi rigardis al mia edzino, sed ŝi estis tre okupita pri tiu sia laboro. Tuj mi komprenis: Estis la flustraj singultoj de la servistineto el sia angulo. Mi turnis min. Ŝi ploris kun vizaĝo ĉe l' muro.

— Iru for! — Je mia kriego Niny sin turnas por rigardi. Sed neatendite ŝi ellasas alian krieton. Ŝi rememoras:

— La kafo! kuru, malspritulino! kuru...

Ŝi krias, kun manoj plenaj de telerpecoj kaj

# Markizo L. de Beaufront

— Georgo Verva. —

Plene forgesita de la anaro, al kiu li mem iam apartenis, li adiaŭis la vivon, satan de jaroj. La Esperanto-gazetoj nur pro ĵurnalista devo publikigis malgrandajn notojn pri lia morto — kaj tiu ĉi sciigo ĉe multaj Esperantistoj, precipe el la juna generacio, elvokis miron: Kiel do? Ĉu Beaufront nur nun mortis?

Efektive, Beaufront en la konscio de la esperantistaro jam de longa, tre longa tempo estas mortinta. Kaj eĉ tiuj, kiuj sciis, ke ie en la mondo Beaufront finŝpinas sian figloran vivon, eĉ tiuj ne kapablis sufiĉe reale prezenti tion al si en la imago. La nomo Beaufront sonis kiel malagrabla eĥo el la fora pasinteco — kion komunan kun la nuna rapidflua vivo de nia afero povas havi tiu fantoma grincesona nomo?

Tiom fremda por ni sonas nun lia nomo, ke la sciigo pri lia morto vekis nenian impreson, ba! nenian rememoron eĉ malgajigan. Estas io profunde tragedia en la sorto de tiu homo, kiu antaŭ 3o jaroj ankoraŭ skuis potence nian movadon, fleksante ĝian junan trunkon laŭ sia preskaŭ diktatora volo. Kaj nun tiu ĉi nomo, kiu iam brilis fiere sur nia firmamento, rube putras en la dezerto de l'forgeso. Ho ve, la nomo mortis multe pli frue ol ĝia portinto!

Ni ne priploras lian morton, same kiel ni ne jubilis eĉ tiam, kiam lia potenco en nia movado atingis la zeniton. Malgraŭ ĉiuj siaj grandaj meritoj, kiujn li sendube gajnis sur la kampo de la disvastigado de nia afero, kaj — kio tiom pli grandigas liajn meritojn — ĝuste en la unua periodo, en la »infanaĝo« de nia movado, malgraŭ ĉio Beaufront neniam estis por ni la gvidanto — por tiu destino mankis al li la necesaj korvarmo kaj animsimpleco. Li estis ĉiam la »markizo«, la fremdulo inter la popolo, kiu instinkte sentis, ke lia fanatikeco por Esperanto estas nur ankro sur la tempesta maro de liaj personaj ambicioj kaj aspiroj.

La judaso de nia afero. Jes. Sed ankaŭ la evangelia Judaso, antaŭ la perfido al sia Majstro, estis ja Lia apostolo. Kaj Beaufront estis ne nur unu el la dekdu apostoloj de Esperanto — li estis la unua inter ili, li estis eĉ io pli: la Sta Paŭlo de nia movado, kiun li firmigis kaj forte puŝis sur la vastan oceanon de l'vivo. Tiuj, kiuj venis post li, trovis jam solide pretigitan laborkampon, bone funkciantan organizon kaj reton de oficialaj rilatoj.

Ĝuste tio, la konscio kaj sento, ke en lia personeco koncentriĝas la potencoforto de la tiam ankoraŭ tre juna kaj ekfloranta movado, puŝis en lian varmegan kapon la frenezan ideon venkkonkeri ĝin absolute, uzurpe forŝiri la florkronon desur la kapo de la varsovia Modestulo, de lia majstro, kiun diskretigi estos plej facile, malkaŝinte la erarojn de lia verko kaj prezentante al lia anaro verkon pli bonan, korektitan, modifitan, reformitan! Katenita de sia malsana ambicio, li ne elsentis la misteron de Esperanto, ĝian vivoforton, li forgesis, ke lia granda misio estas nur ĝia organizado kaj nur sur tiu ĉi agadokampo li povos rikolti laŭrojn, meritojn tiel gravajn, ke en la historio de tiu movado li povos resti senmorta. Li restis judaso. Kaj li perfidis ne nur sian Majstron, ne nur Esperanton, al kiu li antaŭe dediĉis sian tutan energion kaj organizan talenton, sed li perfidis la realigon de sia cerbo, la tutan ideon de internacia lingvo ĝenerale! Ĉar la publikigo de Ido ne estis, kiel li kaj liaj agentoj volis kredigi al ni, kaj kiel eble li mem kredis, la suprenlevo de tiu grandioza ideo sur ŝtupon pli altan, sed kontraŭe: ĝi estis senkreditigo, senvalorigo de tiu ideo, terurega, kruela bato, kiu tiel forte ekskuis la aferon, ke ĝi minacis krake falegi kaj malaperi por ĉiam. Kaj nur al la spertoriĉa saĝo de l' Majstro kaj al la sana instinkto de lia anaro ni devas danki, ke la afero ne suferis elreliĝon, ke ĝia trunko restis tuta kaj fortika.

Ĉu Donkiĥoto? Ne. Herostrato. Sed Herostrato, kiun eĉ la Morto forgesis, lasante lin en lia soleca maljuneco mediti pri lia fiaskinta aventuro, pri vantaj aspiroj kaj misambicio: ho, se li kapablus retroturni la radon de l'tempo, ĝustigi la tiaman eraron kaj kun repurigita amo kisi la manon de sia granda Majstro, kiel tiam, 'en Ĝenevo...

Mortis Beaufront, la judaso de nia afero. Ni ne ploras, nek ĝojas. Mortis simple forgesita homo. Do malpeza estu al li la tero.

---

ŝmiritaj per mastiko, tenas peceton premita kontraŭ la alian laŭ la fendoj, por ke la ŝmiraĵo faru kuniĝon. Kaj ŝi ŝajnas piedgluita al la planko per la mastiko.

La servistineto ekiras.

— Ne al la kuirejo, al dormoĉambro, sur la alkohola forneto, sur la komodo!

La servistino iras tien, kaj de tie tuj venas kriego. Ni kuras ambaŭ, rapidegas unu sur la alian, al la ĉambropordo: Mi vidas la komodan plataĵon okupita de flamoj de alkoholo. La servistineto blovas sur ĝin per ĉiuj fortoj de siaj kamparanaj pulmoj. Flamturniĝo atakas ŝin, kaj sia antaŭtuko flamiĝas.

— Jesuo!

Niny paraliziĝas de teruro, kaj ŝiaj manoj ĉiam kunpremas la te'erpeco‚n. Mi ĵe'is min al la knabino; sed ŝi tre rapide deprenis la antaŭtukon (ĉiam krietante), kaj kuregas al fenestro, kiu estas malfermita; kaj, kiu scias k'al, ŝi staras tie kriante kaj svingante la brulantan antaŭtukon, ekstere de la fenestro.

— Silentu, forĵetu ĝin.

Sed ŝi ne komprenas, ne decidiĝas, krietas kaj svingas. Sube estas ĝardeneto. El la ĝardeneto komencas respondi krioj. Poste rapidegaj paŝoj sur la ŝtuparo; bategoj sur la dompordo; malfermado de fenestroj de l' supraj etaĝoj; voĉoj ĉiam pli oftaj kaj timemaj. Buŝego tre forta devigas min malfermi la pordon, por ke oni ne trapuŝu ĝin.

— Malfermu. Alvenas akvo. Ni faras homĉenon.

Mi klopodadis:

— Sed, estas malvera alarmo, ne, atentu min...

Sed tiu jam forkuris malsupren, kaj kriegis:

— Pumpilon el la ĝardeno!

Eliris personoj el ĉiuj pordoj de la ŝtuparo. Kiom da personoj! Kaj ĉiuj kriis. Fine mi sukcesis min komprenigi.

— Nenio, malvera a'armo, mi dankas.

La bruego sur la ŝtuparo kvietiĝis iomete, kaj ĉiuj aliris murmurante. Mi reeniris kaj baris la pordon. Reiris al dormoĉambro. Sur la komodo la flamoj estis estingitaj. Mia edzino estis tie, fiksita, kun la du telerpecoj en la mano kunpremitaj unu kontraŭ la alia laŭ la fendo. La servistineto rigardadis sur la fenestrorando la lastajn restaĵojn de la brulinta antaŭtuko.

Ĉion oni devas reordigi. Ĉu ni enlitiĝos?

Sed alia kriego de la servistino ekskuas min. Perforta akvoŝpruco, enirante tra la fenestro neatendite,

# Memoro pri mia patro*

— Renato Fucini —

Mia patro, kuracisto en malgranda monta komunumo, gajnis, kiam mi estis knabeto, po kvin paolojn tage, kiuj hodiaŭ estus du liroj kaj okdek centimoj. Kun mizeraj eksterordinaraj gajnoj de kelkaj konsultoj, de kelkaj operacietoj kaj de kelkaj vizitoj ekster lia labordistrikto, oni povas kalkuli ke lia gajno atingis ĉirkaŭ kvar lirojn, eble malpli ol pli. Per tiu ĉi mono li devis dece vivteni sian familion, ĉevalon, serviston, kaj min ĉe la Universitato.

Iam vespere, post mia Kristnaska libertempo, mi tiam estis deksepjara, mi revenis Pisa-n kun la ĉiumonata sumo de okdek liroj en la paperujo. Revidi la amikojn min gajigis: mi vespermanĝis kun aro da tiuj gajuloj, trinkis, kaj elektriĝis, vagis kantante tra la stratoj de la urbo ĝis malfrua horo, kaj laste mi falis en luddomon, en kiu, dum paro da horoj, mi lasis la tutan monon, plie ŝuldon da tridek liroj ĉe amiko, kiu al mi ilin pruntedonis. Bagatelo, se ni volas, sed bagatelo, kiu estis grava, konsidere miajn familiajn kondiĉojn.

Kiam mi venis en mian ĉambreton, mi ĵetis min sur la liton, sed mi ne povis dormi. Spiregante, mi turnis kaj returnis min sen trovi ripozon. Mi ankaŭ iom duondormis, sed tio estis eĉ malpli bone. Briliantojn, mortigantojn, orminejojn, tranĉilbatojn, timigantajn monstrojn, spiregajn kuradojn tra okulperdigaj dezertoj, kriegojn, fajfojn, parolaĉojn, mi sonĝis iom el ĉiuj eblaĵoj, kaj finfine mi revekiĝis kun grava skuo, kaj malfermitaj okuloj, plena je ŝvito.

»Kion mi faros?« mi pensis. »Ĉu mi petos de iu amiko? Ĉu mi skribos al iu parenco? al mia patrino? al mia patro...? Ho! Ĉi tie necesas iri. Okazos penta ago, iom da dramo, kelkaj kriegoj, kelkaj bategoj, eĉ, kial ne? ankaŭ sekvo da vangfrapoj, kaj ĉio estos finita, kaj mi ne pensas plu pri tio.«

Mi forsaltas el la lito, prunteprenas malmultajn monerojn de la unua amiko, kiun mi renkontas, mi rifuĝas en iun vagonon de tria klaso, kaj forkuras hejmen.

La vojaĝo min trankviligis. Mi daŭre parolis pri politiko kaj milito kun libroasociano, kiu iris al Signa kaj mi havis kelke da momentoj, en kiuj, serioze revante gloron, armilojn kaj amojn kontraŭe al mia asociano, kiu min rigardis silentante kaj fumante la pipon, mi, forgesinte mian mizeron, malhumiliĝis, ĉar ankaŭ mi povis rakonti mian unuan lertaĵon.

Sed, kiam tra la arbaroj mi ekvidis la turon de mia vilaĝo, kaj plie la tegmenton de mia domo, kaj la fumon, kiu eliris el la tureto de ĝia kameno, la malhumileco falis kaj mi sentis tremi miajn krurojn.

Kiam mi alvenis hejmen, mia patro ne ĉeestis. Mia patrino ektimis, ĉar vidante min paliĝinta, ŝi kredis min malsana.

— Mi fartas bone... vere... mi fartas bone.

Ŝia vizaĝo resereniĝis, kaj fortiĝinte pro tiu ĉi bona certeco, sufiĉe trankvile ŝi aŭskultis, dum ŝi pretigis la tagmanĝon, la rakonton, kiun mi faris el la fajrangulo, kie mi kaŭris, min varmigante je la flamo, kiu gaje brulis sub poto kun betoj. Kiam mia rakonto finiĝis:

— Filo!... mi vin petas, kiel oni povos diri tion al tiu viro! — ŝi ekkriis, rigardante min timege. Post longa paŭzo, pensema:

— Estas neeble! Kiel vi volas, ke nun li donu al vi monon por monato, se ni havas nur la monon necesan por vivi? Ĉu ĝin trovi? Kaj poste? Ne ekzistas ripareblo en tiu ĉi momento, ne ekzistas ripareblo... Tiu malsanulo fartas malpli bone, kaj ŝajnas, ke li estas mortonta.

Mi ekstaris ŝin rigardante silente; ŝi trankviliĝis.

La varmeto de mia nesto, la laceco kaj la blovo de la vento tra la gorĝo de la kameno inklinigis min al dormemo, kaj senkonscie mi ekdormis kun la kapo kuŝanta sur la apogilo de la seĝo.

Kiam mi ekvekiĝis, mi vidis mian patron sidanta je la alia flanko de la fajrero; li sekigis ĉe la fajro

* El »Vesperaj rakontoj« de NERI.

frapas meze kaj ĵetas ŝin teren. Kolono de akvo daŭras eniri tre perforte. La instinkto instigas nin kuri al la fenestro por ĝin fermi, sed la akvo nin trafas. Niny faligas la telerpecojn kaj ĉirkaŭprenas min malespere. Akvo eniras, turniĝas ĉirkaŭe en la tuta ĉambro, traserĉas en la anguloj, frapas murojn kaj meblojn; ĵetas teren grandan spegulon, akvumas ĉion. Precipe diluvis sur la edziĝa lito, kiu baldaŭ fariĝis kiel spongo. Lasta troego de katastrofo, ĝi frakasis la elektran lampon, kaj ni restis en mallumo. Ni dek fojojn ekpuŝiĝis, ĝis ni sukcesis kuri al la pordo kaj mi ĝin malfermis, ĵetis min, defluanta, malsupren sur la ŝtuparo:

— Oni ĉesu, malsupre en la teretaĝo, oni ĉesu, pro Dio!

Sed la ekscititoj en la ĝardeno nenion aŭdis. Samtempe kelkaj domanoj eniras domen; kaj ĉiu rakontas al la lastaj alvenintoj en sia maniero la okazintaĵon. Por ke ĉio kvietiĝu, necesis iom da tempo. Ni malvestiĝis, viŝis nin. Ni volis enlitiĝi, sed la lito estis tute trempita. Ni penadis trovi en la komodoj kelkajn senakvajn vestaĵojn por nin kovri. Ni komencis klopode depreni la litkovrilojn, littukojn unuope kaj ilin elpremi. La planko fariĝis plenega lago. La matracoj estis ĝismeze trempitaj. Lacigitaj, ŝvitiĝintaj, ni tie staris kun falintaj brakoj, nin demandante mute, kion fari.

Ni reiris al la manĝoĉambro. Kuŝiĝis kiel eble plej bone sur la kanapo sub kelkaj manteloj kaj ŝaloj. Unu ĉi tie, alia tie, kun du seĝoj sub la kruroj. Mi ekdormis nur ĉe 1 mateno, por turmenta dormo. Post malmulte, la suno vekis min. Mi min vestis kaj iris en la oficejon. La servistino malsaniĝis je pulminflamo, restis lite dekkvin tagojn. Najbaroj amuziĝis dum du monatoj je miaj kostoj.

Mi trovas de tempo al tempo hejmajn personojn, kiuj konsilas al mi pasigi kelkajn vesperojn hejme. Ne, al mi neniam plu okazis tio. Nur la penso starigas al mi la harojn sur la kapo.

— Venu pli proksimen, ke l' kafeja mastro ne aŭdu nin. Lastatempe lia edzino estas malsana, ĉu vi ne sciis? Tre malsana. Oni povas antaŭvidi, ke en unu el la venontaj vesperoj ni trovos la kafejon fermita kaj sur pordo gluitan papereton nigroborderitan. Por la okazo de tio, mi vin petas, ni interkonsentu, ke ni renkontos nin en la alia kafejo ĉe la fino de la ĉefstrato. Pro karitato, rememoru, ne lasu min sola.

El la itala: *Carlo Paderno.*



# OBSERVO

(V.) BOCCACCIO: PRI LA VIRINA BELECO. Eĉ la Beleco ne povas sin liberigi de la modo. La virinoj devas esti belaj laŭ la *taga gusto*. Leonardo da Vinci kreis *Mona Lisa;* Stiller, *Greta Garbo*, kaj Sternberg, *Marlene Dietrich*. Ĉi lastaj estas milope imitataj kaj ĉie kopiataj; la Belecon, kiel ĉion alian, oni nuntempe pogrande fabrikas.

La Renesanco, la ora epoko de la teoriuloj, reguligis la Belecon. Poetoj, moralistoj, filozofoj kompilis eminentajn traktatojn pri tiu delikata temo, kaj la virinoj, por plaĉi, tre rapide adaptiĝis al iliaj reguloj.

La poeto Cristoforo Fiorentino, nomita l'Altissimo, redaktis en versoj la kodon de la perfekta beleco. Necesas, li diras, ke la frunto estu hela, la ŝultroj egalaj, la brakoj sveltaj kaj facilmovaj. Alia kompetentulo, mastro Firenzuola, faris por la sinjorinoj de Prato sufiĉe pedantajn prelegojn pri estetiko. La belulinoj tie lernis interalie, ke bela okulo ne estas absolute nigra, ke la vangoj devas havi blankecon pli malhelan kaj malpli brilan, ol tiu de la frunto, ke la lipoj devas igi videblaj ne pli ol kvin aŭ ses dentojn... Baldaŭ fondiĝis skolo de teoriuloj, kiuj faris tiel precizajn priskribojn, ke estis apenaŭ eble trovi en tute Italio virinon belan laŭ iliaj difinoj.

El Venezio venis la pasio por blondaj haroj. Beatrice kaj Laura estis blondaj; jen preskaŭ ĉio, kion ni scias pri ili. De la damo kun *ĉiela gracio*, ne postrestis tiutempa bildo.

Boccaccio estas eble la unua, kiu sciis trovi la belecon, kie ĝi estas, kaj ĝin priskribis laŭnature. La nimfoj, kiujn renkontas Amato, ne similas al la klasikaj figuroj. Se Boccaccio diras, ke iliaj okuloj ŝajnas aŭroraj steloj — kio estas senpersoneca — li tuj poste aldonas, ke iliaj korsaĵoj estas la plej belaj en la mondo. Kiel ne prezenti al si la karnallogan Venuson di Cordi, kiam oni legas: »super la larĝaj koksoj, kontraŭ la ĉarmaj dorlotincitaj mamoj, strikte nodita orŝnureto retenis la fadenojn de la tre maldika ŝtofo streĉita sur la dolĉe ŝvela brusto«?

(V.) MOMENTOJ KUN PIRANDELLO. Nekontesteble li estas noviganto, kvankam li havas antaŭulojn sur la teatra kampo. Pirandello, spite al sia sendependeco kaj originaleco, montriĝas ne nur disĉiplo de Ibsen, sed ankaŭ de la aŭstro Schnitzler, kies verkoj estas bedaŭrinde ne sufiĉe konataj, kaj eble eĉ de la germano Wedekind. Tamen tute apartan valoron kaj personan aromon konservas Pirandello.

*

Dum festeno oni foje demandis al Pirandello, cetere ne tro sprite: »Kio estas la esenca diferenco inter Shaw kaj vi?«. La respondo de Pirandello estis delikata miksaĵo de modesto kaj fiero. Li kompreneble komencis diri: »Shaw estas admirinda aŭtoro...«, kaj li aldonis: »Shaw ŝajnas al mi rimarkinda produkto de la anglosaksa sfero, dum mi estas plie... filo de ĉi tiu planedo.«

Ĉu li ne pravis? Shaw preskaŭ ĉiam sin okupis pri moralaj demandoj kaj pri ĉio koncernanta la homan agemon, dum Pirandello enkondukis en sian teatron problemojn pri la limoj de nia intelekta scio; liaj verkoj traktas pri la ĉi-mondaj eblaĵoj.

*

»Mi estas faŝisto, ĉar la faŝismo kreas«, diras Pirandello. Fakto estas, ke antaŭ kelkaj jaroj la teatra vivo en Italio ŝajnis senespere stagni, dum en Francio kaj Germanio ĝi bone prosperis pro ŝtata subteno. Nuntempe, konsiderindaj progresoj efektiviĝas tiurilate, dank' al la energia interveno de la aŭtoritatoj.

*

La ŝajne lacmiena granda dramaturgo konas ankaŭ la arton sensulkigi sian frunton en gaja societo. Ofte, ĉe balo, oni lin renkontas kun rave bela italino. Ŝi ne estas dekokjara, kiel tiu, al kiu la sepdekjarulo d'Annunzio havas la feliĉon intime amiki, sed ŝi certe apartenas al la »malpli-ol-dudekkvinjaraj«. Evidente la ĉiopova amo ne konas aĝon.

(V.) NUNTEMPA ITALA POEZIO. La eldonoj de poeziaj verkoj nuntempe abundas en Italio, kaj kvankam ilia nivelo estas tre diversa, ili tamen atestas pri la neordinara fekundeco de la juna generacio. Kaj tio montras ne nur, ke multaj poetoj vivas en Italio, sed ankaŭ, ke oni legas ilin tre fervore. Unu el la lastaperintaj verkoj estas *Il Cuore e l'assurdo* de Giuseppe Villaroel. »La koro, diras la poeto, havas propran absurdan vivon, pri kiu ni konscias nur kiam ni volas klarigi ĝiajn motivojn kaj kontraŭsencojn. Tamen, se ni ĝin atente observas, ni konstatas, ke la absurdo de la koro estas pli logika, ol tiu de la racio«. Sur tiu cetere ne tro originala temo,

---

la pantalonon banitan de pluvo. Li ŝajnis laca kaj estis pala. Li tusis malbone kaj havis makulojn de koto sur la vizaĝo.

Aŭdante min moviĝi, li levis la kapon.

— Bonan tagon, patro!

— Bonan tagon — li respondis kaj diris nenion.

Post kelkaj momentoj li leviĝis, diris al mia patrino, ke ŝi pretigu frue la vespermanĝon, ĉar li bezonas tuj eliri, kaj li iris en sian ĉambron.

— Ĉu vi diris al li la aferon? — mi demandis ekstremante mian patrinon. Ŝi kapjesis.

— Li demandis, kiel vi fartas, kaj eklegis.

La manĝado estis nigra. Miaj gepatroj interŝanĝis malmultajn vortojn pri familiaferoj, kaj mi, atendante ĉiam uraganon, kiu estus bonfaronta al mia koro... restadis glacie traborata de la malmultaj paroloj, kiujn mia patro diris al mi en la kutima tono, kaj preskaŭ kun amemo.

— Ĉu vi vidis Beppe? (li estis lia maljuna studkunulo, kiun li komisiis al mi saluti ĉiam, kiam mi iris Pisa-n.)

— Ne...

— Morgaŭ matene vi foriros per la unua trajno... Mi baldaŭ vin vokos, ĉar vi devos iri piede al la stacidomo... la ĉevalon mi bezonos.

— Jes.

Kiam la manĝo estis finita, li foriris. Li revenis vespere malfrue, manĝis iom, kaj iris dormi, farinte al mi per la lacaj okuloj krude severan kareson.

La postan matenon, li vekis min je la kvina. Estis mallume, malvarme kaj neĝis forte. Kiam mi eliris el la ĉambro, mia patrino, jam leviĝinta, atendis min por adiaŭi.

— Ĉu li lasis ĉe vi la monon? — mallaŭte mi demandis al ŝi.

— Li estas tie ekstere kaj vin atendas.

Mi kuris al la pordo, kaj je la lumo de la lanterno, per kiu la servisto donis al ni lumon, mi vidis, tie antaŭe, mian patron jam surĉevale, senmovan, ĉirkaŭvolvitan en sia larĝa neĝkovrita mantelo.

— Tenu — li diris al mi plugante sulkon en mia animo. — Prenu... Nun ĝi estas via propaĵo... Sed antaŭ ol ĝin elspezi... rigardu min! — kaj li min fulmis per fiera kaj melankolia rigardo. — Antaŭ ol ĝin elspezi, memoru, kiel via patro ĝin gajnas.

Spronado, skuiĝo, kaj li malproksimiĝis kun malalta kapo en la mallumo; tra la neĝo, kaj tra la turbeblovanta vento.

El la itala: *Dr. Guido Fachinotti*



Bernini: *Sankta Tereza*

s-ro Villaroel tamen sukcesis verki tre belajn poemojn pri tiuj *motivoj de l'koro,* kiujn per lerta paradokso li nomas absurdaj.

En la sama kolekto aperis *La Collana di Asfodeli,* kies harmoniaj ritmoj kaj intensa emocio plene revelacias la profundan poetan animon de s-ino Maria Borgese. Tiuj el ŝiaj versoj, kiuj ŝajnas la plej ĝojebriaj, ĉiam entenas kvazaŭ foran resonadon de pasintaj vivĉagrenoj; ilin animas ia forta sed tamen nedifinebla sento pri la homa senpoveco antaŭ la nekontraŭstarebla sorto.

Ankaŭ s-ro Lionello Fiumi ĵus publikigis elektitajn poemojn, kaj tiu volumo estas speciale oportuna pro tio, ke ĝi evidentigas la fekundecon kaj variecon de poeta kariero, kiun oni volus nomi modela. Tiu antologio komenciĝas per kelkaj paĝoj ĉerpitaj el *Polline.* Fiumi ilin verkis antaŭ la milito, kiam li ankoraŭ ne estis dudekjara. Tamen jam en tiu poemo oni antaŭsentas ĉiun necesan elementon de la postaj maturaj verkoj. Sekvas fragmentoj el *Mussole:* la torenta kirlo de la dudeka jaro senbridas en poemoj, kie la maltrankvilo kaj la lirismo sin respondas per ĝemelaj voĉoj. Post la pasia tumultado, tiu ŝaŭma ardo kvietiĝas en *Tutto Cuore* kaj transformiĝas por atingi la plej altan kaj grandiozan serenon en *Sopravivenze.* Ni tuŝas ĉi tie la kulminon de la arto de Fiumi: tiun staton, en kiu ĉio fariĝas lumo, belo kaj feliĉo. Sendube oni pli bone konscios pri la alta signifo de tiuj »postvivoj«, kiam oni trarigardos la vojon faritan ekde la komenco. Kaj estas efektive unu el la avantaĝoj de volumo kiel tiu de *Poesie scelte,* ke ĝi bone evidentiĝas ĉiun etapon kaj transiron de tiu eventoriĉa kariero. Oni pli bone komprenos ankaŭ tiun *religian tremon,* kiun sentas la aŭtoro antaŭ la poezia fenomeno en ĝia praforta pulsado.

Por kompletigi la interesan kaj valoran kolekton, jen ankoraŭ *Il Paese senza Tempo,* de s-ro Aldo Capasso. »Tiuj poemoj, diras s-ro Capasso, havas inter si komunan ligilon kaj reprezentas por mi kompletan ciklon de mia evoluo: ili pentras la luktojn inter la bono kaj la malbono en la homa animo.«. Tiu konfeso ĵetas apartan lumon sur la etikon de la poeto, kiu cetere ne bezonas komenton, tiom klara kaj ekvilibrita ĝi estas. Ni staras ĉi tie antaŭ la serena temperamento de memkonscia filozofo, celanta al la absoluto. La titolo mem de lia verko estas tre signifa: li serĉas landon ekster kaj super la tempo, kaj samtempe celas al pli profunda kono de la sensebla mondo kaj de la individuo.

(V.) MOZAIKEROJ PRI ALDO PALAZZESCHI, POETO, FABELISTO KAJ ROMANVERKISTO. Firenzano laŭ naskiĝo, familio kaj vivmaniero, Aldo Palazzeschi estas tia ankaŭ en sia verkado. Per siaj *Bildoj de la 19-a Jarcento* — ĉarmaj infanaĝaj rememoroj, kiuj meritus tradukon en Esperanton — li konkeris la vastan publikon.

Palazzeschi ĉiam havis preferon al la groteско, al la pajlopupoj kaj monstroj, kaj montris viglan guston al la estaĵoj vivantaj en nenormalaj kondiĉoj. Observante figurojn kun ridinda aspekto li ŝajne pli bone konscias pri la malbono vivi . . . Sub la supraĵe amuza kaj neglektema ironio, li kaŝas aŭtentikan amaron kaj penetreman malgajon.

La plej ŝatata promen-celo de Palazzeschi estas Fiesole, la etruska kaj romia urbeto, patrino de Firenze, la urbo de la Renesanco, ĉar de tie li havas plenan superrigardon ne nur al la ĉefurbo, sed al aro de vilaĝetoj iam famaj kiel restadlokoj de grandaj artistoj. Tie reviviĝas la tuta pasinta gloro: Beato Angelico, Leonardo da Vinci, Galilei, Dante! Tiu pejzaĝo servis ankaŭ al Boccaccio por la plimulto de liaj rakontoj.

Kiel lernejano Palazzeschi estis destinita de sia patro al la komerca fako, kiun li profunde malŝatis. Nur la geografion li sufiĉe bone ellernis. La francan lingvon li fervore studis dum jaroj kaj sisteme »englutis« la verkojn de Maupassant, Flaubert kaj Zola, kies realismo tre forte lin allogis. Ankaŭ la poetojn li multe legis, kaj li gardis sian preferon al Baudelaire, kiu, laŭ li, estas post Dante la plej granda poeto de la kristanismo.

En Parizo, li loĝis ĵus antaŭ la milito, do en unu el la plej karakterizaj momentoj de la eŭropa arto: la epoko de l'kubismo. Oni ne povas nei, ke li de tie forte influiĝis. Li konatiĝis kun Guillaume Appolinaire, Picasso, Max Jacob, Paul Fort kaj multaj aliaj samtendencaj junuloj. La artistoj, leviĝante en la mateno, jam sin demandis, kio nova okazos en la tago. Tumulta tempo de senripoza kreado! La penso, la laboro, la poezio de ses jarcentoj kvazaŭ resumiĝis tie, atingante kapturnajn altojn. »El tiu epoko, diras Palazzeschi, Picasso restas la plej forta kaj la plej aŭtentika reprezentanto.«

Parizon li ĉiam ŝatis, dirante, ke ĝi estas lia dua hejmurbo. Tie li fervore vizitas teatrojn; nek la kino



Michelangelo: *Profeto Jeremio*

nek la krizo povis malhelpi lian emon. La kino, laŭ Palazzeschi, konvenas al tiu, kiu havas nek la kutimon nek la deziron pensi. Tia sinsekvo de fotografajoj ne prezentas por li kontentigan spektaklon. Parolante pri la pentroarto, li deklaras: »La impresismo ŝajnas al mi unu el la plej gravaj epokoj en la arthistorio. Ĝi estas al mi nova alfabeto de nun ne ekstermebla. Ĝi ebligis esprimi la miraklon de la lumo, en ĝiaj plej subtilaj fenomenoj. Nur post kiam mi vidis la unuan impresisman pentrajon, mi ekkomprenis ion pri pentroarto.

Kial mi verkas? — Nu, mi mem ne scias! Neniam mi decidis verki, kaj neniu iam instruis al mi, kiel tion fari. Mi ofte volis, laŭ la maniero de Montaigne, min senkulpigi pro tio, ke mi skribas, ĉar kiam oni skribas, oni ĉiam nepre ion aŭ iun ĝenas. Ankaŭ ne pro legado venis al mi la emo verki. Nur hazarde ĝi venis, pro interna evoluo, pri kiu mi konsciis multajn jarojn poste. Kiel infano, mi estis tre kvieta, eĉ tro kvieta, kaj tial dum mia tuta junaĝo ŝajnis, ke mi atendas ian gravan okazajon, kiun mi ne klare antaŭsentis. Ĝis mia deka jaro, mia plej ŝatata ludilo estis preĝejeto. Mi kutimis soleni meson kun granda pompo, sed la solaj fideluloj estis judaj geknaboj, kiujn mi vane penis konverti. Poste la scenejo min nerezisteble altiris. Mi volis fariĝi aktoro. Mia patro promesis, ke li lasos min viziti kurson de deklamado, kiam mi estos akirinta la komercan diplomon. Kiam mi ĝin akiris, li diris: »Nu, faru kiel al vi plaĉas, sed ŝajnas, ke vi sekvas malbonan vojon«. Dum tri jaroj mi vizitis la kurson de deklamado, kaj mi aliĝis al teatra trupo. Post dudek tagoj de sceneja vivo, mi forlasis la trupon kaj sendis al la direktoro afablan leteron por lin sciigi, ke mi eraris. Fakte nenio estas pli fora de mia karaktero, ol tiu teatra spirito, kie ĉio estas trompa, falsa, artifika. Mi unuafoje sentis, kiom malfacile estas trovi al si la ĝustan vojon, kiam oni volas nepre antaŭeniri.

Foje en Settignano, ĉe miaj gepatroj, ekkaptis min la deziro pentri. Mi foriris en la kamparon kun la necesa materialo, sed efektive mi pentris kion mi vidis — en versoj. Talenton por pentri mi ne havis, sed mi sentis en mi kapablon por la poezio kaj internan kontenton pro la unuaj provoj faritaj. De tiam mi daŭrigis. Kun miaj futuristaj kolegoj, mi estas unu el la unuaj liberversistoj en Italio; nun ni gajnis nian batalon, ni venkis la publikon. Kompreneble la libera verso ankoraŭ nun renkontas tre akrajn atakojn, precipe de la maljunuloj, sed ĝi fariĝis la formo de la nova poezio. Kiam mi eldonis mian unuan libron, oni min rigardis frenezulo, kaj kiam mi serĉis eldoniston por la dua, neniu volis ĝin akcepti. Mi do mem eldonis miajn unuajn tri volumojn. En 1909, Marinetti proponis, ke mi aliĝu al la grupo de liaj amikoj. Tion li faris tiom afable, ke mi akceptis partopreni la futuristan movadon, en kiu mi aktivis ĝis la milito.

*Poezie* restas mia preferata libro. En ĝi mi retrovas mian junulan animon, kun ĝiaj naivaj kaj ardaj entuziasmoj. Ankaŭ la romanon de mia junaĝo mi ŝatas: *La Kodo de Perela,* kiu estas la historio de fum-homo. Verdire la fumhomo estas mi. Nuntempe mi laboras precipe pri prozajoj, sed mi tute ne rezignis pri la poezio. Mi jus publikigis novan romanon *Sorelle Materassi:* temas pri familia dramo en la animo de du virtoplenaj maljunaj fraŭlinoj, ĉe kiuj la elementaj sentoj de l' virino hazarde montriĝas malfrue kaj iom konfuze.

Kiamaniere mi verkas? — Mi faras la unuan malneton preskaŭ furioze, kaj eĉ mi devas diri, dolore, kvazaŭ io disiĝus de mi. Plurfoje mi proksimiĝas al la tablo kaj mi sentas min forpuŝita, kvazaŭ mi devus suferi kirurgian operacion; kaj tio okazas dum pluraj tagoj, ĝis kiam alvenas la vera inspiro. Tiam mi ekskribas en tia ekscitiĝo, ke poste apenaŭ la duonon de la skribajo mi povas deĉifri. El tiu malneto mi eble ne konservos eĉ unu solan vorton, sed jam enestas ia muzika ondado, kiu fariĝos la spino de mia laboro. Se tiu linio ne sukcesis, mia laboro estas fuŝita. Poste, mi ĉion reskribas, ĉar mi bone laboras nur per rekopiado de mia prozo; ofte mi tion faras ĝis sep aŭ okfoje. Ĉiu kopio alportas riĉiĝon, perfektiĝon. Grade mia laciĝo transformiĝas en agrablan senton; mian doloron anstataŭas ĝojo. Mi jam diris, ke la unua malneto entenas la arkitekturon de mia verko, sed tamen ofte okazas, ke dum prilaboro de tio, kion mi opinias la lasta ĉapitro, aperas subite nova ideo: estas kvazaŭ suprenleviĝo de la tuta konstruajo. Se tio ne okazas, la verko ne estos vera Palazzesch-a tipo.

(V.) REVIVIĜO DE LA FRANCA-ITALA AMIKECO. Ĉiu memoras pri la tempo, kiam la diplomatiaj rilatoj inter Francio kaj Italio estis iom streĉitaj . . . Oni eĉ timis pri okazonta konflikto! Senbazaj timoj. La du nacioj renodis sian malnovan amikecon pli firme ol iam ajn antaŭe. La francoj memoris, ke Roma, la antikva kaj ĉiam juna patrino de la latineco estas ankaŭ ilia spirita patrino; Roma, urbo de la amo, laŭ antikva, sed ĉiam vera anagramo: ROMA-AMOR! Grandioza ekspozicio de itala arto okazis en la Louvre, la francaj literaturaj gazetoj abunde kaj detale pritraktas la literaturajn eventojn de Italio, s-ro Martin du Gard, direktoro de la eminenta gazeto *Les Nouvelles Littéraires* jus intervjuis s-ron Mussolini! Siaflanke la italoj fervore reciprokas. Post la pompa inaŭguro de la busto de Châteaubriand en Roma, en ĉeesto de la Duce, oni starigis en la Scala de Milano la buston de Stendhal, kiun la italoj nomas *Arrigo Beyle, Milanese.* La unua el tiuj ceremonioj estis grandioza, ni volus diri klasika, kiel decis por la animo de la granda romantikulo. Volonte li ĝin estus priskribinta en suplementa ĉapitro al siaj *Mémoires d' Outre-tombe,* kaj interne de sia tombo, sur izola roko meze de la maro, li sendube ĝin aprobas. Anatole France, kun sia satira vervo, plurfoje ridindigis la pompajn ekstravagancojn de la fiera vicgrafo. Parolante pri lia naskiĝo, li kvazaŭ parodiis la teatran kaj grandefektan priskribon, kiun la vicgrafo mem faris pri tiu natura okazajo, li kutime diris- »Madame de Châteaubriand ne povis akuŝi kiel la aliaj virinoj, necesis la helpo de la kunigitaj kvar elementoj, necesis, ke la ĉielo estu traŝirita de sovaĝaj fulmoj ke la maro senkantene tumultu, ke tempesto furiozu en la ĉirkaŭajoj, ĉar la naskiĝo de René ne estis ordinara fakto; pri ĝi la mondo devis nepre scii!«

La inaŭguro de la busto de Stendhal, en la atrio de la Scala, estis ankaŭ tre konvena al la memoro de la honorito. Jam en 1914 grupo de amikoj de Stendhal iniciatis la starigon de statueto, sed venis la milito. Tamen la ideo ne estis forgesita kaj la jusa efektiviĝo havis tre emocian karakteron kaj festan intimecon. S-ro Paul Hazard rememorigis en tre bela parolado ĉion, kion Stendhal ŝuldas al Italio. »Kia miraklo, li diris, en la unua renkonto de Stendhal kun Milano! Tie devis plene ekflori dank al la magia povo de la amo la senkomparaj riĉoj ĝis tiam enfermitaj en la fundo de lia animo.«

ADRESŜANĜO:

L. Totsche sciigas sian amikaron pri nova adreso: Batthyányi-u. 59. IV. 3. Budapest II. Telefonnumero restis la malnova: 549—04



# La kotizo por AELA je la jaro 1935 estas nur sv. fr. 12·—

**Detalan prospekton sendas al vi la eldonejo de „Literatura Mondo“**




**Abonprezo por jaro: 9·—, duonjaro: 5·—, unu ekz.: 1·— svisaj frankoj, specimeno: 1 resp. kupono**

Kolektiva abono la duonon. Por kurzsuferaj landoj favoraj prezoj. Petu detalajn informojn.

Trideko da bonegaj esperantistoj tradukis la novelojn kaj poemojn de la lasta verko de AELA 1934

# ĈEĤOSLOVAKA ANTOLOGIO

ĵus aperintan sub la lerta redakto de

**STAN. KAMARYT kaj O. GINZ**

La grandformata verko sur senligna papero, kun 468 paĝoj da dense kompostita teksto kaj 32 ilustraj paĝoj pri la ĉeĥoslovakaj pentro- kaj skulptartoj kontentigas ĉiujn pretendojn kaj inde viciĝas al la plej gravaj eldonaĵoj de

**Literatura Mondo kaj Asocio de Esperantistaj Libro-Amikoj**

Prezo: broŝurita 12.—, bindita 13.50 svfr. plus 10% por sendkostoj. AELA-membroj, pagintaj almenaŭ unu serion por 1935, ricevas rabaton de 40%

# ENCIKLOPEDIO DE ESPERANTO

DUA VOLUMO,

estas jam ekspedita al ĉiu paginto kaj per tio plenumita fine la programo de AELA 1933. Sur 328 dense presitaj kaj 184 bildopaĝoj ĝi faras plena la plej grandan verkon ĝisnunan de nia literaturo. Sur la preskaŭ mil paĝoj de la verko viciĝas antaŭ ni la historio kaj atingaĵoj de nia movado.

La du volumoj nun jam estas mendeblaj kune ĉe ĉiu librovendisto kaj ĉe la eldonejo

**Literatura Mondo, Budapest IX., Mester-u. 53.**

ĴUS APERIS! **Plena Gramatiko de Esperanto** ĴUS APERIS!

verkita de

**K. KALOCSAY kaj G. WARINGHIEN**

ŝur pli ol 400 densege presataj grandformataj paĝoj donas al vi fidindan kaj klaran respondon pri ĉiuj viaj gramatikaj duboj. La granda amaso de Zamenhofaj ekzempoj, la detalaj klarigoj, la ekzaktaj difinoj faras la verkon unika en sia speco. La ĉefaj ĉapitroj pri Fonetiko, Vortfarado, Morfologio kaj Sintetio, Vortsintakso, Propozicisintakso, Frazsintakso, Vortordo, Interpunkcio prezentas al vi bildon pri la detaleco de la unua

## scienca gramatiko de Esperanto

kio ni povas ĝin nomi sen ia troigo.

La verko jam aperis kaj estas la unua volumo de la lingvoserio de AELA 1935.

En la proksimaj monatoj aperos la jenaj verkoj de AELA 1935:

**E. PRIVAT:** *Interpopola Konduto*
**EUGEN WÜSTER–J. PFEFFER:** *Konturoj de lingvonormigo*
**JEROM K. JEROME–BADASH:** *Tri viroj en boato, por ne paroli pri la hundo*
**A. HEKLER–K. KALOCSAY:** *Arthistorio II.*

Detalajn informojn sendas:

**Literatura Mondo, Hungarujo, Budapest, IX., Mester-u. 53**

Felelős szerkesztő és kiadó: Bleier Vilmos. — Pestvidéki Nyomda Vácon. — A nyomdáért Bénik Gyula felelős.